# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 87-a jaro - N-ro 292 Septembro 1995



## Homo - klaŭno: Cirka burleskulo arlekeno bufono histriono pajaco



## Homo - marioneto

BRAZILA ESPERANTISTO

*87-a Jaro - Septembro 1995*
*N-ro 292 (trimonata)*
*Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo*
*Caixa Postal 3625*
*70084-970 Brasília, DF (Brazilo)*
*Kompostado:*
José Cláudio Domingues
Grafika Aranĝo
*Zamenhof Editores*
*Presado:*
*Gráfica Kelps*
*Redaktantoj:*
*S. - G. Ledon*
*CP 269*
*12460-000 Campos de Jordão, SP*
*(Brazilo)*
*La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo*

*BRAZILA REVUO ESPERANTISTA*
*Fondita en 1907*
*BRAZILA ESPERANTISTO*
*Fondita en 1908*
*de Alberto A. Vieira*
*Reynaldo Geyer*
*Everardo Backheuser*
*Pri abonprezo, anonctarifo k.c. skribu al BEL*
*Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo*



# *Enhavo*

*Paĝo*



# *La prezidantino salutas*

De julio al nun, en du monatoj, la prezidantino de Ligo nur partoprenis tri E-Kongresojn, unu E-Renkontiĝon, du E-Asociojn-kunvenojn, faris kvin prelegojn, enpoŝtigis 96 leterojn, ricevis kaj faris sennombrajn telefonadojn, redaktis "La Lampiro"(kaj ekspedis), finkunpretigis "Brazila Esperantisto" nº 292 (malgraŭ ĉio), multe pensis pri vi ĉiuj, pri BEL senĉese, kaj vigle, konfide kaj ege danka pro via kunlaborado, cele al komuna realigo de "NIA AFERO",

Elkore ĝisas,

Symilde Schenk Ledon



Dankon, BEL-anoj, pro via manifestiĝo, ĉu per laŭdoj, ĉu tute simple per via konfido al nia laboro (nia, signifas la laboro ja de la redaktantoj sed ankaŭ tiu de ĉiuj el vi, membroj)... ne forgesu: ni laboru kune! "Brazila Esperantisto" estas via, vi rajtas vin esprimi en ĝi... sed ni petas ne tro longe! Devas esti spaco por ĉiuj.

## La mirakloj nefareblaj

Por reveni al la cititaj ciferoj, ekzemple pri buĝeto de R$ 600,00 ni tiam baziĝis sur la farado de la San-Paŭla organo "La Lampiro" kies kompostado kaj grafika aranĝo nenion kostas ĉar plejparte la unuan faras Eldonejo Fonto, kontraŭ publikigo reklama sur la antaŭlasta paĝo, kaj la dua estas farita de la redaktoro mem. "Brazila Esperantisto" estas tute alia afero, kiun ni decidis poste fari laŭ moderna maniero... ĉu ni ne estas en la erao de la komputado? Tiel, same ĉe Zamenhof Editores kiel ĉe Altamisa (kiu faris la nº 291) la preparado (kompostado + grafika aranĝo) kostas pli ol R$ 1.000,00. Ni ne presigis nur 500 ekzemplerojn sed 1200... do jen la nefareblaj mirakloj. Ĉu vi sincere pensas ke 3 realoj por la ekzemplero nº 291, kiun vi ricevis, estas tro multe? Kompreneble la R$ 120,00 jare kiuj estis sugestitaj por la partopreno al la Fondaĵo Brazila Esperantisto, ne respondis al abono sed al kunlaboro por fondaĵo. Ni opinias, kaj viaj nunaj reagoj tion konfirmas, ke ĉiuj honestaj, multnombraj BEL-anoj senhezite pretos pagi R$ 10,00 el siaj jaraj kotizoj por ricevi decan organon. Tiam eĉ la fondaĵo ne plu estos necesa, ĉu ne?

## Maltrafa "Heroldado

"Brazila Heroldo" de aŭgusto 1995 - nº 10, paĝo 5 per sarkasmo ne ĉiam taŭga en honesta ĵurnalismo, prognozis la reaperon de nº 292 de "Brazila Esperantisto" nur en la jaro 2001, ĉar laŭ klaĉoj facile kompreneblaj en kulisoj de asocioj, ni "senmonigis la kason de BEL". Sendube kaviĝis monstra montruo, kiun la revuo ŝtopis ĝuste por la redono de relativa konfido al la tutlanda asocio BEL... estas tio, kio gravas.

Cetere, ho! ironio de l'destino, nia amiko Fabrício Valle, mastro de Zamenhof Editores ĝuste kunlaboras(is) en la farado de tiu nº 292, tiel ke BEL tute ne finbankrotos. Tia devas esti la "kuna laborado" kaj ni ĵuras, ke BE atingos vin de tri en tri monatoj. Estas oportune rememori, ke "Brazila Heroldo" de Fabrício estas tute privata, sendependa entrepreno, laŭ ĉiuj aspektoj laŭdinda, kiu pretendas esti socipolitika, ekonomia kaj kultura gazeto. Tiel nenia konfuzo povas aperi rilate al "Brazila Esperantisto", kiu estas la oficiala organo de Brazila Esperanto-Ligo, kies celo estas agadi por Esperanto laŭ neŭtrala maniero. Se eventuale aperas speco de konkurenco por pli bona informado, vivigado de Esperanto k.s. des pli bone, ĉar ĉi tie, kiel en ĉiuj kampoj de la homa agado, la libera konkurado estas ĉiam konstrua, bonfara, ankaŭ por la Esperanto-movado, jen la gajno por ni esperantistoj.



*Brazilan Esperantiston gvatas Brazila Heroldo*

## Nia objekto: la homo

Nepre vi legis la difinojn pri "la homo" en la kovriloj de la lasta B.E. Ni retenu tiun de PIV - kiu diras, ke ni estas genro de mamuloj karakterizita per vertikala teniĝo, forte evoluinta cerbo kaj parolkapablo. Eble estas tiu forte evoluinta cerbo kaj parolkapablo, kiu permesas al ni pensi kaj esprimi la koncernajn elpensaĵojn. Tute nature ni do lokigas nin certagrade en la centron de nia vivmedio. Ni iĝas la ĉefa objekto de nia mondo... Kaj ni aparte, la esperantistoj, el tiu evoluinta parolkapablo posedas la fantastan esprimrimedon, kiu estas Esperanto. Ni spontanee strebas al plibonigo de tiu mondo. Ni pensas pri interhoma harmonio, tolero, pri senkonflikta kunvivado, ni apelacias al la ĝenerala vorto: paco, por la tuta mondo. Evidente ĉio, ĉi tio ankaŭ estas entenata en nia asocio BEL, en la idealo de ni ĉiuj.

Feliĉe, se ne la vivo estus tro monotona, ekzistas multaj vojoj por tiun vivplibonigon atingi. Tamen el tiu plureco la homo kiel individuo, por kleriĝo devas taksi ĉiujn tendencojn el la homa pensado. Nur tiam tiu homo, libere, per sia menso povos sekvi sian propran irendan vojon, laŭeble en homkonformeco t.e. cele al la idealo, socia harmonio, paco. La tasko ne estas facila, kiam oni konstatas, el la homa pensado mem, la kompleksecon de la ideologioj, doktrinoj, religioj, ŝtataj sistemoj kun establitaj leĝoj. Ekzistas multaj organizoj kiuj iel celas "ekumenismon", unuigon, kunfandigon de la kredoj aŭ sistemoj, sed bedaŭrinde estas facile konstatebla la fakto, ke preter la bonintenco postrestas la dogmoj, la fiksaj doktrinaj principoj aŭ partiaj netuŝeblaj gvidlinioj.

Neniu el ni povas pretendi al posedo de la vero, absoluta vero, bazita sur simplaj kredoj, ne havas eblecon ekzisti. Ekzistas ja faktoj, okazaĵoj, realaj cirkonstancoj, kiuj per interrilatado (pensado per nia menso, cerbo) permesas la kondukon al porhoma plibonigo de la realaĵoj el konstrua agado.

Ho ve, aktuala estas la malbona fazo de nia nuntempa homa evoluo: kresko de mizero, agreso, malsekureco, ekonomika malekvilibro kun senlaboreco, ruiniĝo de familia kunvivado, uzado de drogoj ktp. ktp. Kompatinda objekto: homo!

Ne estas dubo, ke ni BEL-anoj ne rajtas preterlasi tiun objekton, ĉar la defendo de la homo estas entenata en nia celo de esperantistoj. Ni atendas viajn kunlaboraĵojn.

Viaj redaktantoj
Gilbert kaj Symilde Ledon




Kun preskaŭ 500 aliĝintoj la 31-a BKE en Juiz de Fora, MG en la Seminário Arquidiocesano Santo Antonio, prezentis tre varian programon el kiu citendas 21 prelegoj, 1 debato, 13 kunsidoj, medicina kaj inĝeniera rondoj, ekzamenoj baza, mezgrada, supera kaj instruista, kurso Cseh, kurso pri pupteatro, artekspozicio, krome ekskursoj, vizitoj, videoprezentoj, artaj vesperoj kaj BEL-librosérvo. La estrarkunsidoj estis en nombro de 7 kaj konsistis el Tagordo por ordinara kunsido, BEL-Federacia Konsilantaro, Ŝancoj de Esperanto en la Novaj Tempoj, Ĝenerala Asembleo, Taksado de decidoj prenitaj dum januara kunsido, Nova Estraro de BEL-prezentado de kandidatoj, Balotado, Nova Estraro de BEL; aliaj kunsidoj temis pri BEJO kun regionaj reprezentantoj, diskuto pri sekciiĝo aŭ federaciiĝo kaj estrara raporto; Kunsido de Departemento pri Informado, kunsido de Nordorientaj Asocioj, Reto de Reprezentantoj, Delegita Reto.

Prelegoj:

G. Mattos: "Strukturo de substantivo kaj adjektivo
"Uzo de akuzativo"
"Uzo de pasivaj participoj"
A. Sartorato: "La Astrologio kaj la kono de si mem"
G. Ledon: "Diverseco, Universaleco, Separatismo"
M. Almada: "Pri Kongresoj"
S. Chaves: "Baza didaktika vortprovizo de ses listoj"
A. Flores: "Paleontologio - La Scienco de la Fosilioj"
Flávio C. Rebello: "Partio Humanisma"
S. S. Ledon: "Amerika Agado"
W. M. Baptista: "Vortformado en Esperanto"
F. Shayani: "Vivo de Lidia Zamenhof" (port.)
L. A. Castro: "Esperanto kaj Radioamadorismo" (port.)
A. C. Branco: "Novaj perspektivoj de la Parapsikologio"
E. Pauli: "Apokalipso kaj Similaj Aferoj"
R. Resende: "Kiel malpropagandi Esperanto"
T. Steele / C. J. C. de Medeiros: "Fino de la sonĝepoko?"
I. de M. e Silva: "La libro de la Spiritoj"
F. N. de V. Pessoa: "Pri la E-tradukarto"
M. J. F. de Mendonça: "Zamenhof kaj Esperanto" (port.)

Dum la malferma solenaĵo S. Chaves prezentis la festparoladon kaj dum la fina solenaĵo okazis distribuo de kurso-atestiloj, enposteniĝo de la nova Estraro de BEL kaj solena fermo de la 31-a BKE.

(Nova Estraro de BEL: bv. konsulti la kolofonon de BE kaj la tekston de la protokolo)

Rezolucio ĉeftema

# "Brazila Esperanto-movado: Novaj tempoj, Novaj vojoj"

1-a aserto: Pri merkatigo de Esperanto kiel nepra adaptiĝo por la fluoevoluo de la novaj tempoj. (Ivaldo A. de Souza)

2-a aserto: Kontraŭ egaligo de Esperanto laŭ merkatigaj valoroj, ekster la ideala fono kiu karakterizas ĝin. (Sylla Chaves)

3-a aserto: Nuntempo postulas novajn vojojn por Esperanto-movado laŭ strategioj kun malcentriĝo kunlabora strebe al atingoj pozitivaj. (Francisco M. de Oliveira)

4-a aserto: Nepre modera modernigo por daŭre aktualigaj premisoj ne plu kongruaj al pasinteco. (J. M. Mabesoone)

5-a aserto: Niveligo de Esperanto al procezoj merkatigaj aŭ kiel formo de estiĝo idealista atingas ekstremojn eventuale nekonformaj por ĝia lokigo internacia, tiel ke ĝi ne aliru kompeticie aŭ simbole, sed ja kiel fakto de interligo por tuthomara lingvo kun la respektivaj sekvoj naturaj.

Surbaze de la menciitaj asertoj la kongresa rezolucio entekstas ke:

- Se merkatigo signifas sociorda realaĵo kie preskaŭas deviga partopreno;
- Se la substanco de Esperanto konsistas el idealisma koncepto;
- Se en novaj tempoj, novaj vojoj strategiaj por Esperanto fariĝas postulato;
- Se racia modernigo evidentiĝas kiel faktoro evolua;
- Se la diversaj procezoj aŭ aspektoj priesperantaj povas diversigi ĝian esencan karakteron, bazita sur komunlingva interligo homara kaj ties sekvoj;

Esperanto en novaj tempoj kiel sprono al novaj vojoj gvidlinie, kaj avangarde kaj strukture reprezentu en la mondo la ponton por integriĝo en ĉiuj sencoj de homaj valoroj.

(Kunordiganto de BEL-komisiono pri ĉeftemo kongresa S. S. Ledon)

Ĉeftemo Kongresa

Brazila-Esperanto-Movado

## Novaj tempoj - Novaj vojoj

31-a Brazila Kongreso de Esperanto

9 - 14/07/95 -

Juiz de Fora, MG

La 10-an/07/95 okazis en la Amfiteatro Zamenhof prezento de la ĉeftemo "Brazila Esperanto-Movado: Novaj tempoj - Novaj Vojoj" per prelegprezento de Ivaldo A. de Souza, kiu enket-statistike demonstris la kadron de stato rilate esperantistojn (nombro, interesiĝoj, k.a.) kaj la situo de Esperanto pasintece kaj nuntempe, kiam evoluo merkatiga postulas pozicion de la movado, akompane al plej modernaj sistemoj, precipe laŭ oferto-aĉeto (varo). Samokaze estis invititaj respektive reprezentantoj de antaŭ tempo, Sylla Chaves eksprezidanto de BEL, de nova tempo, J. M. Mabesoone kaj Symilde S. Ledon kandidatoj al prezidanteco de BEL (1995-1998). Kontraŭe al la merkatiga atribuo al Esperanto, Sylla Chaves emfazis ke ĝi ne kongruas al la idealisma fono kiu karakterizas ĝin, ne aplikebla al la principoj de oferto-vendo. Francisco M. de Oliveira, prezidanto de BEL (1993-1995) evidentigis por la nunaj tempoj, kiel novaj vojoj, la strategiojn malcentrigajn en unuiĝo de fortoj kunlaboraj. J. M. Mabesoone, kandidato al prezidanteco de BEL por la novaj tempoj substrekis la neceson de akompana modernigo de Esperanto, paralele al la evoluoj kaj flankenlaso de malnovtempaj procezoj, sen determino akcentiga por merkatigaj valoroj aŭ ekscese idealistaj. La strebo okaze de enposteniĝo estus forlaso de malnovtempaj formuloj por disvolvigo de aktualigaj normoj en E-movado. La alia kandidato al prezidanteco, Symilde S. Ledon kontraŭis la determinojn de egaligo absoluta rilate Espertanto-aktualigon en tekniko, merkatigo aŭ emfazo por ĝia idealista ideologio kaj substrekis la nekonvenon etikedi ĝin daŭre kiel solvo de homara problemaro "paco", "solidaro", "kontraŭmilita" ktp. ĉar kiel internacia lingvo ĝi entenas ĉiujn elementojn de kunligado eca, sub ĉiuj formoj pli esencaj de kontruaj sintenoj ĉar estas ene de la homo mem la realigo de celoj kaj ne ekster si. La slogano "NI LABORU KUNE" estu "NI REALIGU KUNE", sen etosaj faroj sed laboro efektiva.

# Tampereo, Finnlando 22-29/07/1995

2438 aliĝintoj el 58 landoj, 53 salutoj en la solena inaŭguro, el 51 landoj (unu prezentiĝis dufoje kaj unu esti nelanda reprezentanto, nome TEJO...)

En la unua numero de la kuriero "Vekilo Kongresa" estis atentigo al landaj salutantoj ke ili uzu 30 sekundojn (anstataŭ la antaŭajn 3 vortojn) kaj ke temu pri sia landa agado. Kiel ekzemplo, inter aliaj: "La ĵus okazinta BKE havis 250 partoprenantojn". Eble bazita sur la unua listo, do la brazila saluto temis pri ciferaj korektoj: "ne 250 sed pli ol 400", "ne 375 membroj BEL (Jarlibro 95) sed pli ol 500", ktp. Inter la kongresanoj el Brazilo aliĝis 33, el kiuj pluraj rolis konstante eĉ kun Belartkonkursaj premioj: Cyro Gomes kun videobendo (1-a premio) Ekokrio Aragavaja; kanto: (2-a premio) Tarcísio José de Lima pro "Ĉia dolor' " kaj honora mencio, pro "Kara kor' ". La familia ensemblo De Castro, el Brasília, koncertis furore, helpe de prezentado fare de Ursula Grattapaglia kiu ankaŭ kun G. Ledon partoprenis la kongresan temon pri la vivmedio; M. Almada gvidis kunvenon de UALE, Ismael M. Silva kaj R. Mattos en spiritisma kunsido, J. R. Piton fariĝis estrarano de TEJO, la aŭkcion estris G. Ledon kaj enkasigis por Amerika Agado pli ol 2.000 gld; la modela UN-asembleon reprezentis por Brazilo J. R. Piton kaj Leda Gama; Komitatano "A"S. S. Ledon partoprenis kunsidojn dum 30 horoj, E. Pauli sukcesis (sen ĉeesto) okazigi kunvenon de FAT reprezente de Nourmont (Francio) kaj S. S. Ledon; La Delegita Reto de Brazilo ricevis specialan mencion kiel la lando kun plejnombra delegitaro.

La libroservo entenis 8.000 librojn kaj 800 titolojn; pro iniciato de eksprezidanto Wells repaciĝo inter UEA kaj Lapenna estiĝis; Prof. Lee Chong Yeong, el Koreio, estis elektita nova prezidanto de UEA, Renée Triolle (Francio) Vic-Prezidanto, Mark Fettes (Kanado) 1-a Ĝenerala Sekretario.



*La prezidanto elektita de UEA, Prof-ro Lee Chong Yeong, dum la bankeda saluto en Tampere, julio/95 - 80-a UKE*

La Internacia Kongresa Universitato (48-a sesio) konsistis el jenaj prelegoj:

"La deveno de la slavoj" - Prof. Jonko Lindstedt; "Kiel difini lingvokonajn sojlnivelojn?" - D-ro Maŭro La Torre; "Kia estas la estonteco de aŭde handikapitaj infanoj?" - D-ino Aira Kankkunen; "Enkonduko en astronomion kaj astrofizikon"- Prof. Hans Michael Maitzen kaj Prof. Amri Wandel; "Kial la aŭtoro A. C. Doyle malamis sian detektivon Sherlock Holmes?" - D-ro Kobayashi Tsukasa; "Du aziecoj: geografia kaj historia" - D-ro Yamasaki Seikô; "Erozio de la tero" - Prof-ino Ieva Svarcaité; "Formulo por ekonomia evoluo: dudek-jara sperto en Azio" - Prof. Lee Chong-Yeong.

Ĉiutage, krom la inaŭgura kaj ferma, inter 30 kaj 40 programeroj estis elekteblaj. La loka kongresa komitato konsistis el 13 personoj; la kongresejo entenis parteran enirejon plus tri etaĝojn kun 12 salonoj, amfiteatro kaj 2 kromaj salonoj en Hotelo.

Tampereo estas la plej granda urbo en Finnlando (180.000 loĝantoj) kaj situas sur mallarga arboriĉa terkolo inter du grandaj lagoj. Ĝi estas grava ekonomia, komerca, eduka kaj kultura centro, en somero krome la plej vigla enlanda haveno.

La 81-a UKE okazos en Adelaide, Aŭstralio, julie 96.

# Kongresa rezolucio de UEA

Noto: cele al traduko nacilingve por informado gazetara

Universala Esperanto-Asocio,

salutante la 50-jaran jubileon de Unuiĝintaj Nacioj, diskutinte pri la temo " 'Ni la popoloj': unu mondo aŭ disaj eroj?" kadre de sia 80-a Universala Kongreso de Esperanto, kie kunvenis pli ol 2400 kongresanoj el 72 landoj de ĉiuj kontinentoj,

memorigante, ke la Esperanto-movado laboras jam de pli ol unu jarcento por disvastigi konscion pri la homaj rajtoj, inkluzive de lingvaj rajtoj, kaj por estigi pacan interkompreniĝon inter la homoj de ĉiuj landoj,

alte taksas la kontribuojn de Unuiĝintaj Nacioj al la paca solvo de konfliktoj, al la tutmondigo de la koncepto pri homaj rajtoj, kaj al la konservado de la vivmedio,

esperas, ke per komuna kaj urĝa klopodo de la membroj-ŝtatoj de UN tiaj agadoj fariĝos pli efikaj kaj rezultodonaj, interalie per ĉesigo de ĉiuj programoj por evoluigi armilojn de amasa detruado,

substrekas la nepran bezonon aktualigi la Ĉarton de UN por respondi al nuntempaj postuloj kaj aperontaj defioj, inkluzive ĝian demokratiiĝon de la principo de senkondiĉa ŝtata suvereneco,

alvokas la membrojn-ŝtatojn de UN trovi vojon al pli rekta kaj egaleca partopreno de la popoloj en la debatoj kaj decidoj de la Organizo, kaj lige kun tio

emfazas, ke la lingvo Esperanto prezentas elstaran rimedon por tutmonda sendiskriminacia komunikado, je niveloj interŝtata, interpopola kaj interhoma, laŭ la celoj de Uniĝintaj Nacioj kaj en la spirito de la Ĉarto.



# Rolo de Helicobacter pylorii *en stomakaj kaj duodenaj malsanoj*

*D-ro Paulo S. Viana (Lorena -SP)*

Gastrito k stomakaj/duodenaj ulceroj estas oftaj, de longe konataj malsanoj, sed la kaŭzoj estas multoblaj kaj ilia kontrolado kaj kuracado, malfacila. Lastatempe oni trovis, ke interalie ili estas ankaŭ infektaj malsanoj. *Helicobacter pylorii* estas bakterio, kiu kreskas sub la tavolo de muko kiu kovras la mukozon de stomako kaj duodeno kaj sub certaj kondiĉoj influas la mekanismojn de integreco de la mukozo. Tio montriĝis grava kaŭzo de inflamoj, erozioj kaj ulceroj en tiu organoj. *H. pylorii* estas kurba, movkapabla bacilo kiu forte gluiĝas al la surfacaj ĉeloj de la mukozo, toksine damaĝante iliajn interpontojn.

Gastrito estas la plej ofta stomaka malsano k konsistas el inflamiĝo de la stomaka mukozo, kun erozioj, ŝveliĝo aŭ simple ruĝiĝo. Internaj kaŭzantaj faktoroj estas troa produktado de acido/pepsino, influo de galo sur la mukozo, influo de lecitino k *H. pylorii.* Eksteraj faktoroj estas aspirino (k similaj medikamentoj), alkoholo, tabako, ĥemioterapio kontraŭ kancero, radiumado, ĝeneralkorpaj infektoj, virusoj, veneniĝoj per stafilokokoj, uremio, grava streso, gravaj traŭmatoj, grandaj operacioj, gravaj cerbaj malsanoj, renapulma-hepata misfunkciado. *H. pylorii* estas trovebla ĉe 80% el kronikaj gastritoj k ĝia elimino ofte kuracas la malsanon.

Duodena ulcero okazas, kiam korodaj substancoj iom profunde penetras en la mukozon. Ĝi atingas pli ofte virojn ol virinojn kaj pli ofte plenaĝulojn ol infanojn. Ĉiam ekzistas troa produktado de acido/pepsino en la stomako. Kaŭzoj estas: genetika tendenco (unuagradaj parencoj estas 2 ĝis 3-oble pli riskaj), tabako, aspirino, kortikosteroidoj, alkoholo (nur ĉe ciroz-malsanuloj) k *H. pylorii.* Drinkado, pipro, spicoj kaj emociaj perturboj ne pruviĝis kaŭzoj. Se oni per medikamentoj simple neŭtraligas acidecon aŭ protektas la mukozon, tiam duodenaj ulceroj facile cikatriĝas post unu-du monatoj, eĉ malpli. Tamen post unu jaro, ĉ. 80% el ili reaktiviĝos. Tamen, se oni forigas per antibiotikoj *H. pylorii*-on, tiam ulcero pli rapide cikatriĝas k reaktiviĝo reduktiĝas al ĉ 10% post unu jaro.

Stomaka ulcero ne tiel dependas de acideco, eĉ normala aŭ subnormala acideco povas okazi. Ĝi okazas plej ofte en pli aĝaj homoj k ĉiam signifas ioman riskon de transformiĝo en kanceron. Perturboj en la stomaka peristalto k en la produktado de protektaj sekreciaĵoj estas signifaj fenomenoj. Genetiko, aspirino, tabako k *H. pylorii* estas plej oftaj el multaj kaŭzoj. Kurioze, ke ĉe moderaj konsumantoj de alkoholo, ĝi estas malpli ofta el ĉe nekonsumantoj. Sifiliso, tuberkulozo, virusoj k kancero povas manifestiĝi kiel tia ulcero. Denove, se oni uzas medikamentojn nur por cikatriĝo, tiam ulcero revenos ĉe 80% el la kazoj, post unu jaro; se oni eliminas la bacilon, tiu porcento falas al 20%.

Stomaka kancero estas ofta tumoro. Genetiko montras, ke ĝi estas 3-oble pli ofta ĉe fratoj k gepatroj. Aŭtoimuna gastrito k gastrektomio kaŭzas tendencon. Oni trovis, ke pacientoj kun tia tumoro estas pli ofte infektitaj de *H. pylorii* ol la ĝenerala populacio k supozeble eliminado de la mikrobo preventas la kanceron.

Medikamentoj ne facile eliminas *H. pylorii*-on, ke ofte oni devas ripeti la dozojn aŭ serĉi alian kuracilon. Ne estas tamen ankoraŭ tute klare, ĉu oni devas uzi antibiotikojn en ĉiuj kazoj. Ĝenerale oni uzas 3 drogojn samtempe, dum kelkaj semajnoj, sed unu semajna skemo dun du drogoj montriĝis efika.

# Klimaktero

## La aktuala tendenco pri menopaŭza hormonoterapio

*D-ro Mauricio Monken Gomes*

Antaŭ kelkaj jaroj, en la unuamondaj landoj, la medicina tendenco estas kuraci menopaŭzon per hormonoj.

Menopaŭzo estas la lasta menstruo, okazanta ĉirkaŭ la 50-a jaraĝo, fino de la naskpova virina kapablo. Menopaŭzo estas normala fiziologia fenomeno, sed ĝiaj konsekvencoj ne estas. Ili fariĝas patologiaj perturboj kaj tio signifas "veran menopaŭzan sindromon", "veran endokrinopation". La simptomoj, la fizikaj kaj mensaj domaĝoj estas nepre kuracendaj.

Klimaktero, elgreke=krizo, estas la tempo en jaroj antaŭ kaj post la menopaŭzo en kiu la genera funkciado de la ovario progreseme malpligrandiĝas. Nuntempe la virino jam travivas preskaŭ trionon de sia vivo en postmenopaŭza fazo.

La kardiovaskulaj malsanoj estas la ĉefa mortkialo post la ĉeso(ad-o) de la menstruoj. La infarktoj okazas similnombre en viroj kaj virinoj. En la kadro de tiuj virinoj kiuj uzas la hormonon Oestrogeno la mortnombro falas duonen! Tiu ĉi statistika konstato estas gravega.

La ostoporozo, osta malfortiĝo kun oftaj frakturoj, venas kiel dua malagrabla komplikaĵo. La ostoporo-

za terapio sin apogas je la salma kalcitonino, kalcio kaj vitamino D, sed la hormona traktado estas preventa bazo ĉar ĝi malfaciligas, ĝi prokrastas la perdon de osta maso. Per hormonoterapio la manradikaj kaj femurostaj frakturoj malpliiĝas 50% kaj vertebraj frakturoj 80%.

Deprimo - jen alia fantomo kiu estas evitinda (sindromo de la malplena nesto).

Metabolaj misfunkcioj aperas en tiu periodo de la virina vivo ekzemple diabeto, lipoproteinaj perturboj ktp.

Virina sekseco - oni observas falon en la libidaj impulsoj kaj seninteresiĝon pri la seksa vivo.

Atrofio - en la urina aparato okazas simptomoj de nebakteria cistito kaj misfunkcio de la urina retenkapablo. En la genera aparato ĝi originas interalie la doloran kopulacion. En la genera aparato ĝi originas interalie la doloran kopulacion. En la epidermo aperas haŭtosulketojn kaj sekecon.

La hormona traktado

Oni uzas unu hormonon, oestrogeno, aŭ du oestrogeno kaj progesterono, ekzemple, kiam la virino ankoraŭ havas uteron.

La aplikvojoj diversiĝas laŭ apartaj bezonoj. Ili estas tradermaj, intramuskolaj, perbuŝaj aŭ vaginaj.

La kunigitaj oestrogenoj (komercnome Premarin, la unua kiu aperis) estas tre taŭgaj medikamentoj ĉar ili estas naturaj. Krom ili estas acetato de oestradiolo, oestriolo, tibolono kiuj estas tre uzindaj drogoj laŭ siaj specifaj indikoj.

La hormonaj skemoj estas ĉiam individualigitaj. Ne estas unika modelo de recepto por ĉiuj virinoj. Nur la specialisto povas elekti la plej uzindan skemon, kiu estos cikla aŭ senĉesa, okazigante monatan "menstruon", aŭ ne.

La efikaj hormonaj dozoj devas esti ĉiam minimumaj.

Bazajn laboratoriajn ekzamenojn ni petas al la pacientinoj de tempo al tempo: sanga ekzameno, mamografio, ultrasonografio de la internaj seksorganoj kaj osta densometrio (ĉiam kiam eble). Ni indikas aliajn farendajn ekzamenojn en specialaj kazoj.



La daŭrado de la menopaŭza terapio ne estas difinita. Ĝi ankaŭ estas individua: unu, du, kvin aŭ pli da jaroj... Unu veron ni konas bone - "la unuaj kvin postmenopaŭzaj jaroj estas la plej valoraj por la hormona kuracado".

Kontraŭindikoj ĉu ĉiuj virinoj ricevos hormonoterapion? Ne, estas kontraŭindikoj absolutaj kaj relativaj. La ginekologo decidos la ĝustan konduton.

Riskoj / Profitoj: pri endometra kancero ne estas priokupiĝo kiam ni uzas oestrogenon kaj progetagenon en la sama skemo. Pri mama kancero, la Brazila Federacio pri Ginekologio kaj Obstetriko, en 1995, informas: "La traktado per kunigitaj oestrogenoj dum dek jaroj ne prezentas riskon. Inter dek kaj dek-kvin jaroj la risko estas nesignifa. Pri progestagenoj oni ne elmontris ĝis hodiaŭ, signifan influon rilate al pligrandigo aŭ malpligrandigo de la risko.

Nehormona konduto

La klimaktera traktado estas ne nur hormona!

Nehormonajn drogojn ni uzos kiam estos severaj kontraŭindikoj.

Fizika ekzercado: estas dezirinde ke la virinoj interesiĝu pri danco, naĝado kaj marŝado. La lasta estas la plej rekomendinda.

Oni devas valorigi la seksajn rilatojn.

Dieto: en adekvata dieto estu evitataj: glicidoj (rafinita sukero), solidaj grasoj (precipe el ruĝa viando) kaj pastaĵoj (blanka faruno). Fruktoj, legomoj kaj vegetaĵoj estas manĝendaj, samkiel blanka viando: fiŝo, kokino. La sojo estas interesa manĝaĵo ĉar ĝi estas proteinoriĉa. La sengrasigita lakto estas taŭga fonto de kalcio - unu litro enhavas proksimume 800 - 1000mg. Ne trouzi kafon.

Kutimoj: fumado kaj hormono ne kombinas. Drinkaĵoj nur modere.

Konkludo

La menopaŭza oestrogenoterapio celas oferdoni al la virinoj pli bonan vivokvaliton, eĉ plilongigi iliajn vivodaŭrojn, fari ilin pli kapablajn por la diversaj sociaj kaj personaj aktivadoj.

# La graveco de la filozofio en nia ĉiutaga vivo.

Homo estas pensanta estulo. Oni nomas lin "Homo Sapiens".

Unu el la unuaj grekaj filozofoj diris: "Mi pensas, do mi estas". Alia rezonis tiel: "Ne estas la pasinteco, ĉar ĝi jam okazis. Ne estas la estonto, ĉar ĝi ankoraŭ ne alvenis. La estanto estas la limo inter la pasinteco kaj la estonto. Do ĝi ankaŭ ne estas".

Tiel la homoj penis studi la originon de ĉio, kio ĉirkaŭas nin. Oni nomas tion filozofio, kiu estas la scienco pri la esencaj plej ĝeneralaj principoj kaj kaŭzoj de la estado.

Per la filozofio, homo estas difinita kiel racia animalo. Penso kaj racio devas ĉiam kune stari, por ke la homo estu plene humana.

Homo havas aspirojn, li ne scias ĝuste kion li volas, sed scias ja tion, kion li ne volas. Li ne volas daŭrigi estante tio, kio li estas nune; li ne kontentiĝas pri tio, kion li jam trafis.

Li penas aliigi la naturon, superi sin mem, esti racia kaj esti kapabla okazigi tiujn aliiĝojn. Homo pensas por agi.

Kiam li troviĝas antaŭ nekomprenebla io, la homo petas helpon al spirita mondo, al personigitaj supernaturaj fortoj, al diaj estuloj, kiuj regas la tutan mondon kaj ĉiujn aspektojn de la vivo.

Per tio, la homo kreas protektantan envolvilon, elvokas perditan paradizon, fantazias estontan paradizon, kiu estas kapabla forigi la nunan suferon kaj la timon pri la neevitebla morto.

La propra tempo estas forigita, kreante la bildon de la eterneco. Kaj tiel la homo penas trovi en la supernaturo la klarigon kaj la konsolon al la ĉiutagaj problemoj.

Tiuj kritikaj konsideroj taŭgas kiel deira punkto al la filozofa kaj scienca penso.

Apud la kompleksaj religioj, kiuj estis plifortiĝintaj, komencas ekaperi rudimentoj de sciencoj kiel medicino, astronomio kaj geometrio. Aliaj sciencoj ekaperis pli malfrue.

Dank' al filozofio, la homo lernis pensi per logiko, rezoni, fari la uzon de la racio kaj serĉi la vojon por pruvi science sian devenon kaj la celon de la vivo.

Filozofii estas mediti, studi, serĉi la kaŭzojn kaj la konsekvencojn de la faktoj, do tio estas la graveco de la filozofio en nia ĉiutaga vivo.

*Kompilita de Milton Serra*

Ŝajnas al mi tamen maloportuna konservi la rubrikon "spirita vivo" tia, kia ĝi unuafoje aperis. Ĝia tiklivo efikos disige, do malfortige. Preferindas - se vi celas senpartian neŭtralecon "sen fali en cenzuradon", ke vi nur menciu ĉiun pozitivan iniciaton kaj/aŭ agadon de religiulaj E-rondoj konforman al la fundamentaj principoj de esperantismo. Ĉar ja ĉiuj pretendas posedi "la veron" - inkluzive de la karaj geredaktoroj, ĉar finfine neado kaj malreligiemo ankaŭ estas kredo... - ni ne permesu, ke nian movadon hantu la demono de malkonkordo, kiun Zamenhof ĉiel klopodis ekzorci.

Spiritistoj el la tuta mondo kongresos en Brazilio la venontan oktobron kaj mi ĝojas informi al vi, ke Esperanto enestos la eventon elstarinde kiel ĝi meritas.

Affonso Borges Gallego Soares
Dumviva Membro de UEA
FD en Niterói

NDLR - Sendube, nia eventuala malreligiemo povas esti Kredo, kiu apartenas al la spirita vivo. Ni tamen ne esprimas ĝin en la neŭtrala organo de BEL. Kontraste, via invito per Esperanto, al spiritista kongreso estas bonvena.

# Kristoĉjo instruas kaj pri Esperanto kaj pri la uzado de komputiloj

## (Aŭ Michael Jackson en Gondolando)

De la 8-a ĝis la 12-a de Aŭgusto, en Conjunto Nacional, unu el al plej grandaj aĉeto-centroj en Brazilo, kelk-centoj da homoj vizitis la Esperanto Ekspozicion, kie ili povis spekti la video-klipon de Michael Jackson en Esperanto, kaj la bendon de Mazi en aparatoj provizitaj de Arapuã. Krome, je ilia dispono estis 3 komputiloj de Microtécnica kun Esperanto-programo lanĉita en la okazo. Tiam oni disdoni 500 faldfoliojn pri la internacia lingvo kaj la Esperanto-kurso de Universitato de Braziljo (UnB).

Sally kaj Arleta Phyllips, el Anglio, venis por viziti kaj ĉeestis vic-prezidanto de B.E.L.



# La rajto je naskiĝo

*Henrique A. K. Mendonça*

La franca kuracisto, Jérome Lejeune, 69 jaraĝa, profesoro en René Descartes Universitato, en Parizo, estas spertulo pri genetiko. Antaŭ kvar jaroj li partoprenis en kongreso pri feta medicino, en Brazilo, kaj donis intervjuojn plurfoje. Jen kelkaj respondoj donitaj de li al ĵurnalistoj:

- La modernaj medicinaj ekzamenoj dum la periodo de antaŭnasko, jam dum la unuaj semajnoj de gravedeco, ebligas ke oni antaŭsciu ĉu la infano alportos iun neperfektecon. En tiuj kazoj, laŭ via opinio, ĉu la gepatroj rajtas aborti?

Lejeune - Mia respondo estas ne. Laŭ mia opinio, aborto estas krimo en kia ajn cirkonstanco. La problemaj fetoj, la infanoj, kiuj naskiĝas malsanaj, portantaj Sindromo de Down, ekzemple, havas la rajton vivi; la sama rajto de la homoj konsiderataj 100% sanaj. Tiuj, kiuj defendas la aborton diras, ke la feto ene de patrino, ĉefe dum la unuaj semajnoj de gravedeco, ankoraŭ ne estas persono, ankoraŭ ne vivas. Tio estas miskompreno pri la scienca vero.

- Sed, la personoj, kiuj defendas la aborton, se la feto montras difekton, diras, ke tion ili faras cele bonon de la infano, kiu suferegus dum la tuta vivo.

Lejeune - Laŭ mia sperto, aborto solvas la problemojn de la gepatroj, ne de la filoj. Estas naiveco kredi, ke la gepatroj defendas aborton ĉar la feto havas sensolvan problemon. Verdire ili uzas la malsanecon ekrimarkitan celante liberiĝi de infano portanta malbonan formadon.

- Kiel vi agus se vi scius, ke via edzino gravedas je filo portanta Sindromon de Down?

Lejeune - Evidente mi neniam pensus pri aborto. Mi dediĉas mian vivon zorgi kaj varti infanojn, junulojn kaj plenaĝajn personojn portantaj Sindromon de Down. Mi klopodus helpi mian filon iri per si mem tra la vivo.

- Estas kelkaj mensaj difektoj, kiuj nur estas rimarkeblaj post la naskiĝo. Kio estas hazarda ago kaj kio estas konsekvenco de ago de la gepatroj?

Lejeune - En la mensaj difektoj la responso de familio evidentiĝas laŭ du kaŭzoj: alkoholemo kaj memdrogemo. Alia devo de la socio estas postuli, ke la virinoj estu vakcinitaj kontraŭ Rubeolo, eĉ antaŭ pensi havi filon.

- Ĉu la aĝo de la patrino influas kiel riska elemento?

Lejeune - La ideala periodo por gravedeco situiĝas inter 20 ĝis 35 jaraĝo. La gravedeco estas tute malkonsilinda antaŭ 15 kaj post 40 jaraĝo. Tiuj estas pruvitaj riskaj periodoj. En Sindromo de Down, virino kun 20 ĝis 30 jaraĝo havas eblecon unu el du mil naskigi filon difektan. Se ŝi estas tre juna aŭ pli ol 40 jaraĝa, tiu risko atingas 2% (du por cent). Se ni deziras malpliigi la oftecon de Sindromo de Down, sufiĉas konsili al la patrinoj rezigni gravediĝi tro frue aŭ tro malfrue.

Historio: En la 1950-a jaro Jérome Lejeune rimarkis, ke la portantoj de Sindromo de Down (misnomata en okcidento Mongolismo) havas unu plian kromosomon ol la ĝeneralaj personoj. Estis la unua fojo, ke oni ekrimarkis en la homo malsanecon devena de kromosoma anomalio. Antaŭe, en 1866, tiu Sindromo estis identigita de John Landgon Down.



# Infana logiko

*May Bijleveld*

Al 5-jara knabino estis granda plezuro
Observi ĉion de la ĉirkaŭa naturo.
Tre plaĉis al ŝi la longa promeno
Al kampo distance de ŝia ĝardeno.
Tiu vasta senarba erikejo
Estis por ŝi belega ludejo.
Ŝi tute ne konis la maron,
Sed ŝatis observi arbaron
Kiu antaŭ la domo troviĝis,
Speciale kiam la branĉoj moviĝis.
Kiel bele la arboj balancas!
Ŝajnas ke ili ja dancas.
Kiam la arboj tiel movas
La vento forte blovas.
Plaĉis al ŝi la impona sento
De la blovo de fortega vento.
Iam Paĉjo, kiu sur la kampo promenis
Tre laca de tie revenis.
Kaj diris:
"Vento super erikejo, kia teruro!
Tio ne plu estas plezuro".
Ŝi miris:
"Tie vento blovi ne povas.
Estas arbo neniu, kiu ĝin movas!"

Jen la saĝo
De tiu aĝo.

———

Alian tagon tiu sama knabineto iris kun sia patrino al proksima urbo por fari aĉetojn. Tio estis neofta plezuro. Atente ili rigardis la novaĵojn en pluraj vitrinoj. Ankaŭ ĉe vendejo de subvestoj kaj tie ŝi vidis ion kion ŝi neniam vidis: du duonglobetoj kune, kun bela bordaĵo ĉirkaŭe kaj kelkaj rubandoj. Ĉarma objekto. Ŝi rigardis, rigardis, pensis kaj... subite komprenis kaj ekriis: "Panjo rigardu! Ĉapeto por ĝemeloj!"

Ŝia patrino neniam uzis tian objekton, ĉar ŝi ne estis tre dika kaj en tiu tempo la ina modo postulis kiel eble plej platan korpon, kaŝante la naturajn "montetojn".

# Kiel praktiki neŭtralecon kune kun libereco?

May Bijleveld

Ĉu vi jam aŭdis la sekvantan historion? Okazis ke: iu demandis al pastro: "Ĉu mi povas fumi kiam mi estas preĝanta?" Respondo: "Tute ne! Vi devas koncentriĝi profunde kaj ne okupiĝi pri aliaj aferoj". "Bone, mi komprenas. Sed ĉu mi povas preĝi kiam mi estas fumanta?". "Ah, jes, preĝi vi ĉiam povas en iu ajn momento".

Simila problemo ekzistas inter la esperantistoj.

Esperanto estas por ĉiuj, de ĉiaj rasoj, de ĉiuj religioj aŭ politikaj partioj. Ĉiuj havas la rajton disvastigi siajn ideojn pere de Esperanto tra la tuta mondo.

Sed dum la kunvenoj de Esperanto, landaj, regionaj aŭ lokaj, la celo estas: ekkoni kaj kunlabori kun esperantistoj el aliaj lokoj por praktiki kaj disvastigi Esperanton kaj diskuti la metodojn de instruo kaj disvastigo.

Tre gravaj estas ankaŭ la paroladoj pri ĉiaj temoj, kun tempo por fari demandojn je la fino de la parolado. Tiel la ĉeestantoj ne nur pli bone konas unuj la aliajn kaj lernas nekonatajn faktojn, sed ankaŭ ili devas klopodi paroli bone Esperanton kaj lerni novajn fakajn vortojn.

Sed tiuj paroladoj ne povas propagandi unu religion aŭ politikan partion ĉar tiuokaze ili forigus alipensantojn. Niaj esperantaj kunvenoj devas unuigi, ne separi. Ni devas respekti la ideojn de aliaj.

Same naciaj Esperanto-organizoj devas okupiĝi nur pri Esperanto kaj ne povas elstarigi iun ajn religion aŭ politikan partion. Esperantujo necesas ĉiujn.

Aliflanke tio ne signifas ke religioj kaj politikaj partioj ne povas uzi Esperanton por disvastigi siajn ideojn... Ili povas organizi siajn proprajn kunvenojn. Se tiuj okazas en sia propra lando, tiam ili ne bezonas Esperanton. Sed en internaciaj kunvenoj, organizitaj por diskuti religion aŭ politikon, ili povas uzi Esperanton, ĉar *en tiuj kunvenoj Esperanto ne estas la celo, sed la ilo de komuniko.*

Krom kongresoj kaj seminarioj ekzistas aliaj manieroj por interŝanĝi ideojn: la internaciaj revuoj kiuj ne okupiĝas pri la movado de Esperanto, sed uzas Esperanton por ĉiuj temoj kiel MONATO, KONTAKTO, EVENTOJ, VERDIRE kaj aliaj. Tiuj publikigas artikolojn verkitajn de personoj el la tuta mondo kaj akceptas reagojn de legantoj el pli ol 115 landoj. Tiel okazas tre interesaj internaciaj debatoj.

Ekzakte tio estas la celo de Esperanto: servi ĉiujn kaj solvi problemojn, klopodante unue bone aŭskulti (aŭ legi) kaj kompreni la vidpunktojn de la aliaj kaj respondi per bone pripensitaj argumentoj. Ne por venki la debaton, sed por kune alveni al plej bona solvo. Ofte la vero kuŝas en la mezo.

*Bataloj de argumentoj devas anstataŭi batalojn de armiloj.*

Tio estis la ideo de Zamenhof.

## Resumo:

Esperantaj organizoj ne povas propagandi unu specialan religion aŭ unu politikan partion malprofite al la aliaj.

Religioj kaj politikaj partio povas propagandi kaj uzi unu internacian lingvon: Esperanton (unuigante ĉiujn).

# Esperanto - fakultatoj

Euclydes Geraldis de Carvalho*

Certe ĉiuj scias kiom malfacilas trovi homojn, kiuj volas studi Esperanton.

Brave oni anoncas "kurso de Esperanto kun 25 lernantoj", "kurso kun 30, 20, 10" aŭ malpli.

Kelkaj el tiuj kursoj sukcesas, kelkaj alvenas al la fino kun malmultaj unuopuloj. Poste, ofte, malaperas la diplomitoj... kaj venas nova kurso. Mi mem, de multaj jaroj vivas tion. Tio ĉi tie dirata ne estas pesimismo, estas realismo.

Sed kion fari? Fakte "ni semas kaj semas, neniam laciĝas, pri l'tempoj estontaj pensante. Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, ni semas kaj semas konstante". Ne estas pesimismo.

- Kial la homoj, plejmulte, ne volas studi Esperanton?

- Ĉar por ili ne ekzistas intereso (intereso ne estas nur fiafero).

Grandega intereso ekzistus se, ekzemple, Esperanto estus lingvo por la poreniraj ekzamenoj de la fakultatoj.

Tamen, nur povas partopreni tiajn ekzamenojn lingvoj devige instruataj en la 1-a kaj 2-a gradaj lernejoj de Brazilo (devige - ĉi tie loĝas la diferenco).

Tion ja diras la Leĝo 5540, de la 28-a/11/1968, Art. 21: la porenira ekzameno, aludita en la litero "a" de la Artikolo 17, ampleksas la komunajn konojn de la diversaj formoj de la 2-a grada instruado..." .

Tion same diras la Dekreto 68908, de la 13-a/07/1971, kiu reglamentis la cititan leĝon, per sia Art. 6-a: "la ekzamenoj por eniri en la fakultatojn devas enhavi nur la devigajn lernobjektojn de la mezgrada instruado..."

Okazas ke Esperanto ne estas lernobjekto de la brazilaj lernejoj (malpli deviga).

Se Esperanto povus partopreni la fakultatajn ekzamenojn, respondu, bonvolu, ĉi tiun demandon: "kiu lernanto preferus ekzameniĝi en pli malfacila lingvo, se li povus ekzameniĝi en pli facila? Ne nur pli facila, sed ankaŭ pli bela, pli moderna kaj "pli neŭtrala". Se tio okazos, neniu retenos Esperanton.

Ĉiutage oni vidas sur la stratoj, matene, posttagmeze kaj vespere, nekalkuleblan nombron da gelernantoj subbrakumantaj siajn kajerojn, irantajn al la lernejoj.

Brazilo havas pli ol 15.000.000 (dek kvin milionoj) da gelernantoj en la 1-a kaj 2-a gradaj lernejoj, kalkulante nur tiujn, kiuj studas ekde la 5-a studserio. La diferenco estas giganta.

Oni serĉu la Nacian Konsilantaron pri Edukado kaj oni petu (almenaŭ petu) la justan lokon por Esperanto en niaj lernejoj.

*Emerita instruisto kaj direktoro de lernejo*



Vi sendube rimarkis ke la 4 centraj paĝoj de la lasta Brazila Esperantisto "apartenis" al BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo). De pluraj jaroj kaj ĉar BEJO suferas pro diversaj malfacilaĵoj, BEL pretis helpi al la "estonteco de nia movado" kiu kompreneble enkarniĝas ĉe la tiel nomataj junuloj. Jam en la 29-a BEK de San-Paŭlo ni cedis spacon, ni provis kunhelpi per ĉiuj eblaj manieroj. Laŭ konstateblaj faktoj la 14-a BEJK restis pli ol lama, kaj la lamado plu daŭras, bedaŭrinde. En la 31-a BKE en Juiz de Fora, la junularo, eble aro el deko, post "longaj debatoj" fiere decidis resti sendependaj, t.e. decidis mastrumi mem siajn malfacilaĵojn, ekster BEL! Ni (pli maljunaj homoj) perfekte kapablas kompreni la famajn "konfliktojn inter la generacioj" kaj ĉar ni ankaŭ jam estis junaj, ni, per niaj netransdoneblaj spertoj, rajtas konjekti ke multaj polmobatoj sur junulaj sidvangoj perdiĝas, antaŭ ol atingi la estontecon. Tamen, ni esperas ke venontnumere kun alveno de materialo, kiun ni ne ricevis ĝis nun, la centraj paĝoj denove estos "BEJO INTER NI" lige al "NI LABORU KUNE" kaj "NI EFEKTIVIGU KUNE".




*BEJO atendas vian kontribuon! Sendu vian materialon al C.P. 840 20001-970 Rio de Janeiro-RJ*

# Kio estas kvin pinta stelo de Esperanto?

*Sírio Silva**

1- Ĝi estas Esperanto Klubeto tre efika kaj facile organizebla.

2- Ĝi anstataŭas la famajn Esperanto-Klubojn, kies adresoj estas ordinare en la poŝo de la koncernaj prezidantoj, kaj neniam funkcias.

3- Ĝi konsistas esence el KVIN homoj, geamikoj, kiuj kunvenas du horojn unu fojon semajne en domo de unu el la membroj kun aprobo de la koncerna edzo aŭ edzino. La unua horo por lernado kaj la dua por praktikado celante plian perfektiĝon.

4- La buĝeto konsistas el monata kontribuo. La nia estas kvin realoj. Tiu monsumo sufiĉas por aligi ĉiujn al BEL, du al UEA en kategorio MA por ke ili fariĝu Delegito aŭ Fakdelegito laŭ la Regularo kaj konsento de la Ĉefdelegito. Sufiĉas ankaŭ por mendi Perkoresponda-kurson, legolibrojn kaj vortarojn de la Libroservo de BEL. Aboni revuojn kaj gazetojn. Ceterajn elspezojn kiel renkontiĝajn kaj kongresajn vojaĝojn, ĉiu faras propra konte laŭ sia povo kaj deziro. En decembro ni aniĝas al BEL por la sekvanta jaro.

5- Delegito aŭ veterano fariĝas prezidanto, rolas aŭ atribuas la ceterajn taskojn, nome, sekretario, kasisto, instruisto. La kunvenoj ne postulas protokolon. Kursanoj kaj vizitantoj estas ĉiam bonvenaj.

6- Ĝi pravigas kaj apogas la superajn instancojn de UEA, KONGRESOJN, TEJO, BEL, BEJO, KONSILANTARON kaj Ŝtatajn Asociojn. Nepre partoprenas regionajn renkontiĝojn kaj naciajn Kongresojn.

7- BEL numerigos la KPStelojn en la lando kaj formos adresaron kiuj tre faciligas la korespondadon kaj ŝparas tempon, materialon kaj poŝtmarkojn.

8- La Prezidanto de Brazila Esperanto Ligo donis la verdan signon dum la 31-a Brazila Kongreso en Juiz de Fora por la funkciado de ĉi tiu praktika sistemo. La nova Prezidantino S-ino Symilde Schenk Ledon ankaŭ aprobis ĝin laŭ sia bulteno Regione n-ro 3 en 1993 kiel ĉefdelegito de UEA.

9- Inĝeniero Cyro Barbosa Lima el Barra Mansa fondis la duan en sia urbo Barra Mansa. D-ro Alcyr Guedes de Almeida fondis la trian en Taubaté, ambaŭ en 1993.

10- Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj. Antaŭen kun pacaj armiloj! NI LABORU KUNE, FRATOJ AMATAJ, POR ESPERANTO, POR LA HOMARO, POR PLI BONA MONDO!

**UEA-Delegito*

# Konsorcio

Grupo de esperantistoj de Brasília kreis Konsorcion por akiri PIV,PAG, KIEL DIRI?..., LA FENOMENO ESPERANTO kaj ESPERANTO: LINGVO-LITERATURO-MOVADO. Estas grupo de 5 kotizuloj kiuj lotumas inter si la 5 librojn ĉiumonate, tiamaniere ke post 5 monatoj ĈIUJ estos ricevintaj ĈIUJN 5 LIBROJN - je tre malpezaj monataj partopagoj! Oni povas formi grupon de 3, 4, 5 aŭ pli da homoj, kaj oni povas elekti, kompreneble, aliajn titolojn. La KONSORCIO estas administrata de la kotizuloj mem, sen interfero de Ligo.

# Baza didaktika minimumo

*Sylla Chaves*

En la Brazila Kongreso de Esperanto ĵus okazinta en Juiz de Fora mi faris prelegon pri la graveco de iu "Baza esperanta vortprovizo", kiu fortikigus la unuecon de nia lingvo. Mi tiam menciis, ke mia propono al la esperantistaro konsistas el kvin 700-morfemaj listoj laŭ malkreskanta ordo de graveco, facileco kaj ofteco.

Pluraj aŭskultantoj petis, ke mi sendu kopion de la listoj al Brazila Esperantisto. Jen do la unua listo, kun tiuj vortoj, kiujn, pro sia graveco, oni devas konsideri BAZA DIDAKTIKA MINIMUMO. La prezento kaj pravigo de la kvin listoj baldaŭ aperos en libreto, kiun mi nun preparas.

Ĉi tiu listo enhavas:

a) 200 morfemoj, kiujn mi konsideras prioritataj - skribitaj per substrekitaj majuskloj (ezkzemple: AMIKO, PAROLI);

b) 150 morfemoj - skribitaj per majuskloj aŭ substrekitaj, kiuj kompletigas la 350 oftegajn kaj facilegajn morfemojn (ekz: SEMAJNO, kuri);

c) 350 aliaj morfemoj - skribitaj per minuskloj sen substreko, kiuj estas iomete malpli oftaj kaj facilaj (ekz: lundo, letero).

La 180 strukturaj morfemoj en ĉi tiu listo estas indikitaj per asterisko (ekz: KAJ*, IAM*, apud*, kies*).

aŭto
aŭtobuso
aŭtomobilo
aŭtuno
avo
baldaŭ*
bati
batali
bazo
bedaŭri
BELA
besto
BEZONI
BILDO
bileto
birdo
blanka
blua
bo-*
BONA
bordo
brako
brili
brui
bruli
busô
CELO
CENT*
CERTA
ĈAMBRO
ĉapelo
ĈAR*
ĈE*
ĈEF-*
ĉevalo
ĈI*
ĉia*
ĈIAM*
ĉie*
ĉielo
ĈIO*
ĈIRKAŬ*
ĈIU*
ĈU*
DA*
DANKI
DAŬRI
decidi

-A
-aĉ*
AĈETI
-AD*
adreso
aero
afabla
AFERO
agi
agrabla
aĝo
ajn*
-AĴ-*
AKCEPTI
akvo
AL*
ALIA*
almenaŭ
ALTA
AMI
amaso
ambaŭ*
AMIKO
-AN-*
angulo
ANKAŬ
ANKORAŬ
anstataŭ
-ant-*
ANTAŬ*
aparato
APARTA
apenaŭ
APERI
aprilo
apud*
-AR-*
aranĝi
arbo
arto
artikolo
-AS-*
asocio
-at-*
ATENDI
ATENTA
AŬ*
aŭdi

DEK*
dekstra
DEMANDI
dento
DEVI
DEZIRI
dio
diablo
difini
dika
dimanĉo
DIRI
direkti
DIS-*
diskuti
DIVERSA
DO*
doktoro
dolĉa
doloro
DOMO
DONI
DORMI
DU*
dubi
DUM*
-E*
-EBL-*
-EC-*
EĈ*
EDUKI
-EG-*
-EJ-*
EK-*
ekskursi
gazeto
EKSTER*
ekzemplo
ekzisti
EL*
ELEKTI
-em-*
EN*
erari
ESPERI
ESTI
-ESTR-*

FACILA
fajro
fako
fakto
fali
FAMILIO
FARI
februaro
feliĉa
fenestro
fero
FERMI
festi
filo
FINI
fingro
fiŝo
FLANKO
floro
flugi
FOJO
FOR*
FORGESI
FORMO
FORTA
frapi
FRATO
fraŭlo
fremda
FRUA
frukto
funkcio
fuŝi
gaja
gajni
gazeto
GE-*
glaso
GRANDA
gratuli
GRAVA
grupo
gvidi
ĝardeno
ĝenerala
ĝi*
ĝis
ha!*

halti
haro
HAVI
HEJMO
hela
HELPI
HIERAŬ
historio
ho!*
HODIAŬ
HOMO
HORO
hotelo
hundo
-I*
IA*
IAM*
-id-*
IDEO
IE*
-IG-*
-IĜ-*
-IL-*
ILI*
imagi
-IN-*
-IND-*
INFANO
informi
instrui
-int-*
INTERESI
interna
inviti
IO*
IOM*
IRI
-IS*
-ism-*
IST-*
-it-*
IU*
-j*
JAM*
januaro
JEN*
JES*
julio

JUNA
junio
justa
ĵaŭdo
ĴETI
ĵus*
KAJ*
kalkuli
KAMPO
KANTI
kapo
kapabla
KAPTI
kara
karoto
karto
kaŝi
kato
kaŭzo
kazo
KE*
KELKA
KIA
KIAL*
KIAM*
KIE*
KIEL*
kies*
KIO*
KIOM*
KIU*
KLARA
klaso
klopodi
klubo
KNABO
kolo
kolekto
koleri
koloro
KOMENCI
komerci
komitato
KOMPRENI
komuna
kongreso
konkreta
KONSENTI

KONSILI
konstrui
kontato
kontenta
KONTRAŬ*
kontroli
koro
korpo
korto
KOSTI
kovri
KREDI
kreski
krii
KROM*
KUIRI
kulturi
KUN*
kuri
kuraĝa
kurso
kuŝi
kutimo
kvankam*
KVAR*
kvazaŭ*
KVIN*
LA*
LABORI
lago
lakto
LANDO
LASI
LASTA
laŭ
lavi
leciono
LEGI
LERNI
letero
LEVI
LI
LIBERA
ligno
LINGVO
linio
lito
literaturo
LOĜI
LOKO
LONGA
LUDI
lumi
lundo
MAL-*
MANO
MANĜI
maniero
MANKI
maro
marko
marto
maŝino
MATENO
materialo
MEM*
membro
MEMORI
merkredo
METI
metodo
MEZO
mezuri
MI*
MIL*
militi
minus*
MINUTO
miri
momento
MONO
MONDO
monto
MONTRI
MORGAŬ*
morti
MOVI
MULTA
muro
muziko
-N*
NACIO
NASKI
naturo
NAŬ*
nazo
NE
NECESA
neĝo
nek*
nenia*
NENIAM*
nenie*
NENIO*
NENIU*
nepra
NI*
nigra
NOKTO
NOMO
nombro
normala
NOVA
novembro
NU!*
nubo
numero
NUN*
NUR*
-O*
-obl-*
ofico
ofta
OK*
OKAZI
oktobro
okulo
OKUPI
OL*
-ON-*
ONI*
onklo
-ont-*
OPINII
ordo
ordinara
ordoni
orelo
organizi
-OS*
-ot-*
ovo
paco
PAGI
paĝo
pano
PAPERO
PARDONI
PAROLI
PARTO
PASI
paŝi
PATRO
peco
peni
pendi
PENSI
PER*
perfekta
permesi
PERSONO
PETI
PIEDO
plaĉi
plano
planko
PLEJ*
PLENA
plendi
plezuro
PLI*
plori
PLU*
plumo
poemo
pomo
popolo
populara
POR*
pordo
PORTI
POST*
postuli
poŝto
POVI
prava
precipa
preferi
prelegi
premi
PRENI
prepari
presi
PRESKAŬ
PRETA
prezo
PREZENTI
prezidi
PRI*
primtempo
PRO*
problemo
produkto
profunda
programo
PROKSIMA
proponi
propra
provi
publiko
punkto
PURA
radio
RAJTO
RAKONTI
RAPIDA
raporti
RE
regi
regiono
regulo
reklami
rekomendi
rekta
renkonti
RESPONDI
RESTI
RICEVI
riĉa
ridi
RIGARDI
RIMARKI
rimedo
ripeti
ripozi
RIVERO
ROMPI
pondo
pozo
puĝa
sabato
salono
salti
SALUTI
SAMA
sana
sango
sata
SCII
scienco
se*
sed*
SEĜO
sekvi
semajno
SEN*
SENDI
senti
SEP*
septembro
SERĈI
serio
servi
SES*
SI*
SIDI
signifi
silenti
simila
SIMPLA
SINJORO
sistemo
situacio
skatolo
SKRIBI
SOLA
somero
soni
speco
speciala
sperta
sporto
stacio
STARI
stato
STRATO
studi
stulta
SUB*
suferi
SUFIĈA
sukcesi
sukero
suno
super*
supozi
SUPRO
SUR*
ŝafo
ŜAJNI
ŜANĜI
ŝati
ŜI
ŜIPO
ŝiri
ŝtato
ŝtono
tablo
TAGO
TAMEN*
tasko
teatro
telefono
televidi
temo
TEMPO
TENI
tero
teruro
TIA*
tial*
TIEL*
timi
TIOM*
tiri
TIU*
TRA*
traduki
TRANĈI
trankvila
TRANS*
TRE*
TRI*
TRINKI
TRO*
trovi
TUJ
turni
tuŝi
TUTA
-U*
-UJ_*
-UL-*
-um-*
universala
universitato
UNU
URBO
-US*
UTILA
UZI
vagono
valori
varma
veki
VENI
VENDI
vendredo
vento
VERA
verda
verko
VESPERO
vesto
vetero
VETURI
VI*
viando
VIDI
vilaĝo
vintro
VIRO
vitro
VIVI
vizaĝo
viziti
vojo
VOJAĜI
VOLI
voki
VORTO
ZORGI

# Pixinguinha (Piŝinginja)

Lia nomo estis Alfredo da Rocha Viana Filho sed lia avino, eks-sklavino, nomis lin Pizindim' kiu signifas "bonan knabon" en la afrika dialekto. La knabaro en Piedade, kvartalo de Rio de Ĵaneiro, kie li naskiĝis, alnomis lin Bexiguinha (Beŝiginja) pro la markoj lasitaj de variolo en lia vizaĝo. Iom post iom la du moknomoj kunfandiĝis kaj fariĝis Pixinguinha. Per tiu ĉi alnomo li famiĝis.

En la 23-a de aprilo 1898 li naskiĝis.

Lia patro estis flutisto kaj federacia oficisto. Li tre multe apogis la inklinon de la knabo en la arto de muziko. Ofte lia patro hejmenvenigis muzikistojn por ludado kaj al la knabo tre plaĉis aŭdi la valsojn kaj aliajn muzikaĵojn.

Pixinguinha studis en Kolegio San Bento, kie li frue jam muzikis dum la mesoj. Poste, li mem komponis plurajn Mesojn.

Dek du jaraĝa li jam ludadis gitareton, bastrumpeton kaj fluton. Nur dek kvarjara li gajnis kontrakton por ludi kiel flutisto en ensemblo. La originala sono kiu eliris el lia fluto, meritigis lin enspezi en tiu tempo, po ses mil rejsoj tage. Tiam, li fariĝis konata inter la bohemiuloj, kaj ludadis en pluraj lokoj kiel teatroj, kazinoj... Li organizis la ensemblon "La ok Majstroj" kaj tiu ensemblo ludadis en la atendejo de kinejo "Palais".

La vibranta kaj ekzotika sono de "La ok Majstroj" agitis la publikon alkutimiĝinta al la erudicia muziko. La originaleco de tiu ensemblo allogis ankaŭ aliajn muzikistojn; kaj eĉ Rui Barbosa fariĝis unu el la admirantoj de tiu "La ok Majstroj".

En tiu tempo Pixinguinha jam estis komponinta la polkon "Lampiro ridetanta"; la sambon "Mi tuj diros"; la valson "Rozo"; la ploreton "Vi suferas ĉar vi volas".

En la jaro 1922 tiu ensemblo gajnis vojaĝon al Parizo; kaj la programita tempodaŭro de tiu prezentado, kiu devus daŭri unu monaton, etendiĝis ĝis ses monatoj!...

Poste, en la jaro 1928 la ensemblo "La ok Majstroj" finiĝis kaj stariĝis la Orkestro Pixinguinha-Donga. Dum tiu periodo Pixinguinha komponis kelkajn tangojn kaj aliajn muzikaĵojn: Bohemia virino, Karesema, Kiu diris, Plumkrura nizo, Lamento... Kiam li lanĉis "Lamento", ĝi estis kritikata ĉar estis tro moderna por la epoko.

En 1946, post multaj sukcesoj, vojaĝoj, prezentadoj en radistacioj, sonbendoj lanĉitaj en Usono, aranĝoj por la orkestrestro Leopold Stokowski, ktp. Pixinguinha forlasis la fluton kaj ekludadis saks-tenoron Li ankaŭ aranĝis komponaĵojn laŭ la tembroj de la orkestroinstrumentoj por pluraj karnavalaj muzikoj: "Viaj haroj ne neas", "Bela brulino", "Ridi Pajaco", ktp.



Krom la ensemblo "La ok Majstroj" kaj "Orkestro Pixinguinha-Donga", li organizis aliajn: "Grupo de Malnovuloj"; "Orkestro Diabloj de la Ĉielo".

En 1964 li suferis korinfarkton kaj devis resti 20 tagoj en hospitalo; tiam, li komponis 20 muzikojn, preskaŭ ĉiuj valsoj, inter ili: "Harmonio de floroj"; "Tio estas vivi"; "Tion oni ne faras"", ktp. Tiu forta infarkto tute ŝanĝis lian vivadon: ne plu cigaredon, ne plu viskion, nur mineralakvon.

Oni kredas, ke li komponis pli ol 400 muzikaĵojn, tiuj nur por muzikinstrumentoj.

Okaze de sia 70-a naskiĝa datreveno (1968) oni multe omaĝis lin: grandtitoloj en ĵurnaloj, speciala sesio en la Asembleo; ekspozicio pri lia vivo en la Muzeo de la Bildo kaj de la Sono (kie li gravuris sur la trotuaro de la famo siajn manojn; lanĉo de disko LP "Antikvaj Homoj" kun muzikoj luditaj de li. "Tiel li fariĝis en alta sfero, vivanta monumento de la brazila kultura muziko".

En la 17-a de februaro 1973, vespere, li mortis subite en la sakristio de Preĝejo Nia Sinjorino de la Paco, en kvartalo Ipanema, Rio de Ĵaneiro, kie li ĉeestis baptofeston. Miloj da homoj akompanis lian entombigon kantante "Karesema-n".

Al la pionireco de Pixinguinha oni ŝuldas la kreadon de la brazila populara orkestro.

Pixinguinha, laŭ la muzik-kritikisto J. L. Ferrete, "estas kreinto de originalaĵoj ankoraŭ ne supozitaj de la kulturistoj de la brazila muziko". Diras Ferrete ankaŭ: "se li estus naskiĝinta en Usono, sciu hodiaŭ li estus internacia legendo, ĉiam eterna monumento de la populara muziko". Jakobo do Bandolim aldonas: "la muzikoj de Pixinguinha estas devigaj en la repertuaro de ia ajn "Chorão". Ili prezentas instruadon pri tekniko kaj harmonio".

Kuriozaĵo: la nuntempe fama "Karesema" nur du partojn havis kaj pro tio ĝi restadis en la kesto jaron post jaro... ĉar ploreto kiu sin respektas, devas havi tri partojn.

Rimarko: ĉi tiun temon ni prezentis dum la 16-a Renkontiĝo de Esperantistoj de Paraiba Valo en Guaratinguetá (SP) kaj la triopo "Dieso" per du gitaristoj (Benedito Alexandre kaj Devani Viana) kaj mandolinisto Wilson Deslandes ilustris la prelegon po tri intervaloj ludante la jenajn muzikojn de Pixinguinha: "Pacienca", "Vi suferas ĉar vi volas", "En tiu tempo", "La ok Mastroj", "Rozo", "Lamento" kaj "Karesema".

Denise Deslandes



## Brazilo

Septembro:
17/09/95
2a E-Renkontiĝo de Granda Rio (Jacarepaguá). Temo: "La Esperanto-Movado de Rio de Ĵanejro kaj ĝia integriĝo".

Oktobro
12-15/10/95
8a Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto (Temo: "Aspektoj Historiaj de Esperanto") kaj III-a Interlanda Konferenco pri Instruado (Temo: "Uzo de Modernaj Rimedoj por Instruado de Esperanto") - Campos de Jordão, SP.

13-15/10/95
9a Esperanto Renkontiĝo de Nordoriento (Temo": "Esperanto en Nordoriento. Kion vi faras por Esperanto en via Urbo kaj Regiono?") - Muritiba, BA.

Novembro
3/11/95
23a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo - Taubaté, SP (konfirmota).

Decembro
14-17/12/95
Esperanto-Renkontiĝo de Ŝtato Paraná (Temo: "Paranao ene de la Amerika Agado) - Foz do Iguaçu, PR.

22a Esperanto-Renkontiĝo de Sudparaiba Valo
Ĉe "Colégio Sulparaibano", en Paraíba do Sul, la 3-an/09/95 okazis plia renkontiĝo de la Valo, en ŝtato Rio de Janeiro, kun variaj programeroj, je ĉeesto de kvardek personoj. La kunvenoj temis pri Delegita Reto, Regiona Agado, Multnivela Merkato kaj Esperanto, Novaj Perspektivoj por E-Instruado en Brazilo, Kiel funkcias la akvo-purigejo, krom prezento de la videobendo EKO-KRIO de Aragvajo ĵus premiita dum la 80-a UKE en Tampere. Diversaj varieteaĵoj estis prezentitaj, kaj ankaŭ la broŝurlanĉo de Denise Deslandes "Por Komencantoj", Rakontojkajero.

1-a Tutmonda Spiritista Kongreso
Ĝi okazas de la 1-a ĝis la 5-a de oktobro, 95 en Brasília, DF kun simultana traduko en la lingvojn hispana, esperanto, franca kaj angla; estas disponebla budo-aranĝo al BEL, por Esperanto-libroj.

Parana Renkontiĝo de Esperanto
14-17/12/95 - Foz de Iguaçu, PR.
Ĉeftemo: "Paranao ene de la Amerika Agado". Organizita de Katarakto Esperanto-Asocio, Caixa Postal 813, 85851-170, Foz de Iguaçu, PR. Aŭspicio de-Paranaa Esperanto-Asocio, Caixa Postal 1701, 80001-970, Curitiba, PR. Ene de la programo: prelegoj de S. S. Ledon, Marco Antonio Teixeira, Geraldo Mattos, Evaldo Pauli; Ĝenerala Asembleo, kurso por komencantoj (Jorge Teles) kaj ekskursoj. Kotizoj: ne ano de PEA R$ 20,00; ano de PEA R$ 15,00.

8-a Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto kaj III-a IKI (Interlanda Konferenco pri Instruado)
Temo: Aspekto Historiaj de Esperanto. Temo: Uzo de Modernaj Rimedoj por Instruado

Prelegoj, kunvenoj de asocioj sudaj, de BEJO, de Esperanto. 5 sesioj konferencaj, prelegoj kaj forumo movada kaj delegit-reta, raportoj konversacia rondo
Aŭkcio: Amerika Agado-Varieteo-Librosero. Komuna loĝejo- Manĝoservo loka.
Organiza komitato: Gilbert - Symilde Ledon, Fabrício R. Valle, José M. Coelho.
Adreso: Campos de Jordão, SP - Av. Eng. Gustavo Kaiser, 535 - 12460-000
Caixa Postal 269

## Ameriko

Venontjare:
12-17/2/96
3a Amerika Kongreso (Temo: "Esperanto kaj Rilatoj Nordo-Sudo en Ameriko") - San José, Kostariko
7-9/3/96
2a Nacia Kongreso de Kuba Esperanto-Asocio - Havano, Kubo-Apartado 7603-1000 - Apartado 5120, CP 10500

### 32a Brazila Kongreso de Esperanto

Temo: "Labori por Esperanto estas labori por paca mondo".
5-10/7/96 - Ribeirão Preto, SP
Aŭspicio: Brazila Esperanto-Ligo
Organizado: Kultura Centro Esperantista de Ribeirão Preto / Departemento de Esperanto de Instituto Homeopatio François Lamasson
Sekretariejo: Rua Américo Brasiliense, 1450
14015-050 - Ribeirão Preto, SP
Tel/Fakso (016) 636.5065

## Kursoj

Guarulhos
Aktiveca raporto 95 de Arnaldo Alves de Oliveira (Guarulhos, SP) pri jenaj E-kursoj komenciĝantaj:
Du bazaj kursoj kun 15 gelernantoj po, dufoje semajne en S. Bernardo do Campo, SP ĉe Spirita Societo "Maria Emélia" (instruistino Iris Kurz Gatti);
Unu baza kurso kun 12 gelernantoj en Vila Talarico, SP ĉe Spirita Societo "A Caminho da Luz" (instruisto A. A. de Oliveira);
Unu baza kurso kun 15 gelernantoj ĉe E-Grupo Adolpho Bezerra de Menezes - EGABEM, SP (instruisto Maria Aparecida);
Unu baza kurso kun 85 gelernantoj ĉe Spirita Societo "Laços Eternos" en kvartalo Vila Esperança (Penha de França), instruisto Joel Moreira Augusto;
Du bazaj kursoj, respektive kun 13 kaj 10 gelernantoj, unu paroliga kurso kun 5 gelernantoj, en kvartalo Santana, Ĉe E-Grupo Verda Lumo;
Unu paroliga kurso kun 11 gelernantoj en S. Miguel Paulista, SP ĉe Esperanta Grupo Zamenhof (instruisto Joel A. Francisco).

Ilha do Governador, RJ
Ĉe "Centro Cultural para Divulgação do Esperanto, Rua Tenente Cleto Campelo, 394, sala 201 estas E-kursoj de lundo ĝis vendredo, laŭ jena horaro: 9.00 - 10.30, 15.00 - 16.30, 20.00 - 21.30 (Raportis Cláudio Spinelli).

Teresópolis, RJ
Ekde marto komenciĝis kurso de Esperanto gvide de Cleber Moraes Lemos, ĉe C. E. "Irmãos em Cristo".

Caçapava, SP
G. A. Silva Velho instruas bazan E-kurson ĉe C. E. "Fé, Amor e Caridade" ekde majo/ 95. (sekvas en paĝo 16)

São Gonçalo, RJ

Gvide de José Pedro Milagres baza kurso de Esperanto okazas ĉe Centro por Studo S. S. D. "Allan Kardek" merkrede kaj vendrede, de la 18-a ĝis 19-a h kaj celas anigi la gelernantojn al BEL kaj BEJO.

Asocio Esperantista de Rio de Janeiro

La 10-an de julio ĝis la 2-1 de aŭgusto 95 la Universitato Estácio de Sá (Pró-Reitoria de Extensão, Rua do Bispo, 71 - Rio Comprido, RJ, RJ, okazigis Ferian Kurson pri Esperanto (Enkonduko). La kurso estis entute dudek kvar hora, kaj la lernantoj, kiuj ĉeestis ses lecionojn ricevis ateston de la Universitato. En ĝi partoprenis entute dek du lernantoj. La instruisto estis Telma Oliveira Ribeiro. La kurso okazis lunde kaj merkrede, je la 8a (trihora) matene. Ĉar la Universitato okazigos, dum la proksima feriperiodo la kurson, oni petas al la esperantistaro, salutvortojn direktitaj al Universitato Estácio de Sá, portugale aŭ esperante.

Itapira- SP

Ângela informas pri E-kurso sub gvido de samideanino Neide Aparecida de Lima Celestino, ekde 1/06/95 kun partopreno de 10 gelernantoj ĉe la "Circulo Ítalo-Braziliano" - antikva stacidomo F.E.P.A.S.A.

Campos de Goiatacazes-RJ

La prezidanto de la loka grupo de Esperanto Vivaldo M. da Silva, ricevis al peticio por enkonduko de Esperanto en ĉiujn lernejojn de Brazilo, respondon de la Ministrejo de Eduko kaj Sportoj (MED) ke nova projekto de Gvidlinioj-Leĝo kaj Bazoj de Nacia Eduko difinos la novan metodologion de lernigado de Esperanto en municipaj lernejoj de tiu urbo sed ne estis ankoraŭ oficiala reguligo de leĝo.

Brasília-DF

Fine de aŭgusto estis tamen sankciita de la Guberniestro de DF, Cristóvão Buarque la leĝopropono de la deputitaro por inkludo de Esperanto kiel opcia objekto en la 1-a kaj 2-a gradaj lernejoj publikaj de DF, antaŭe de li vetoita, kvankam en sesio de la 28-a de junio 95, ĝi estis tie aprobita unuanime, enkonduke de la deputito Jorge Cauhy. Sekve de tiu rezulto la Deputitaro disponigis al Esperantistoj ian aŭditorion por soleno de la Ago-Tago kaj Zamenhof-Tago.

São João da Barra- RJ

Junie, 95 en la Sekretariejo de Edukado, en tiu urbo estiĝis kunveno kun la municipa Seckretario pri Edukado, urba konsilanto kaj reprezentantoj de E-Klubo de Campos por peticio de kurso-enkonduko esperanta al trejnado instruista, konsistanta el tri partoj: lernigado, literaturo kaj studprogramo enklasa.

# Niaj pioniroj

"Vi rimarkas ke, en la nova "Brazila Esperantisto de junio 1995, oni denove misprezentis la nomojn de la fondintoj kaj unuaj redaktoroj! Kvankam tio ne estas katastrofo, mi opinias ke ni havas la devon korekte prezenti la nomojn de niaj pioniroj, en la kolofono.

Frate via Alberto Flores,
Volta Redonda, RJ".

NDLR

1 - La misprezento fontis el la lasta numero pasinteca 290 kaj por nova kolofono ni ne pensis konsulti ĉiujn numerojn de LIGILO. Tamen laŭ via indiko, ni retrovis "Ligilo" nº 08-julio 1990 kies teksto estas: "LAFONDINTOJ MISNOMITAJ! Unu el niaj karaj legantoj sendis al ni rimarkojn kun alĝustigoj rilate al historiaj notoj publikigitaj en "Brazila Esperantisto" Jan/Feb 89. Nun. kiam eblas al ni publikigi la korektojn, tre bedaŭrinde, ni ne plu trovas la koverton kaj domaĝe nia kunlaboranto ne skribis en la dokumento sian nomon. Ni pardonpetas kaj estos dankemaj al vi laŭeble denove kontakti nin. Jen la observoj faritaj:

- Laŭ "Brazila Esperantisto", januaro 1957, la unua numero de la eldonaĵo de BEL aperis en aprilo 1907 kaj, tiam ĝia titolo estis "Brazila Revuo Esperantista".

- En septembro de 1908 oni ŝanĝis la nomon de la publikaĵo al "Brazila Esperantisto".

- En "Brazila Esperantisto", Jan/Feb 1989, oni misskribis la nomojn de la fondintoj kaj unuaj redaktoroj:

Do, ALBERTO ne estas Alves s. VIEIRA, sed ALBERTO ALVARES F. VIEIRA.

REYNALDO, ne estas S. GAYZER, sed REYNALDO F. GAYER kaj EVERARDO BACKHEUSER estas korekte kvankam lia tuta nomo estis: EVERALDO ADOLPHO BACKHEUSER.

2 - Laŭ "Enciklopedio de Esperanto" paĝo 62:

BRAZILA ESPERANTISTO organo de BLE, fondita en 1908, formato 27,5 X 18 cm.

Laŭ paĝo 63: "En aprilo 1907 ekaperis la "Brazila Revuo Esperantista" kies unuaj redaktoroj estis Alberto Vieira, Geyer kaj Backheuser kaj kiu en septembro 1908 ŝanĝis sian nomon je Brazila Esperantisto.

(Redaktita de C. DOMINGUES)

3 - Tiel ke supozeble la kolofono de nº 290 de BE baziĝas sur la dua nomo por jaro de fondiĝo (kial ne?)

4 - Alberto Alves S. Vieira ne estas Alves S. sed Alvares F. (Informfonto de la leganto?)

5 - Reynaldo, ne estas S.GAYZER sed Reynaldo F. GAYER (Informfonto de la leganto?)

Laŭ paĝo 63 citita en paragrafo 2 oni legas GEYER kaj pli malsupre Reinaldo Geyer, estante ke en la kolofono de BE nº 290 estas Geyzer ne Gayzer kiel citite de la leganto.

6 - Everardo Backheuser estas korekte kvankam lia tuta nomo estis: EVERARDO ADOLPHO BACKHEUSER (Laŭ sama citaĵo antaŭa, oni eĉ nur uzas la lastan nomon!)

7 - El ĉio tio ni dankas vian interesiĝon por korektaj prezentoj de pioniraj nomoj kaj je dubo decidas plej bone ĝis kiam pli precizaj indikoj aperu.

# El leteroj ricevitaj

..."Ĉe mi, la belega revuo Brazila Esperantisto. Ĝin anstataŭigis dum kelkaj jaroj, la ne malmulte utila, LIGILO. Laŭ la zorgo pripensata de la komisiono, ni povas kalkuli, ke nia ĵus revivigita LUMTURO, vivos dum longa kaj fruktodona tempo.

Antaŭen eldonistoj, antaŭen gefrataroj!

6/8/95 - Eleus Leonardo de Sá, fizike izolita, sed spirite kaj ideale, kune.

..."Kun vera plezuro mi ricevis vian "Brazila Esperantisto". Tial mi transdonas mian koran saluton kaj deziron pri plen-plena sukceso. Plaĉas min ke la nova grupo forte klopodas kaj laboras en plena unueco kaj fideleco al la esperanta idealo "tiu homo kiu estas la ĉefa objekto de nia vivo...", malgraŭ la malfacilaj cirkonstancoj. Ângela. " 2/8/95.

... Brazila Esperantisto: Tre bela, ĉarma, interesa, riĉenhava, kultura, ĝojiga, amuza. Gratulegojn al BEL, al la Brazila Movado, kaj, precipe al geamikoj Ledon.

7/7/95 - Sidney Assis Brasil

... Al vi mi donas opiniojn:

1- La reapero de Brazila Esperantisto estas gratulinda afero. La redaktantoj, geedzoj Gilbert René Ledon kaj Symilde S. Ledon, tre konataj, estas atesto de sukceso.

2 - La jarabono, 120,00, estas multe da mono por kvar numeroj, materie parolante. La rento pokapa de nia popolo, plejmulte, sentas malfacilon por pagi tiun sumon, al mi, ne opinie, sed certe, estas multe.

27/7/95 - Euclydes Geraldis de Carvalho

NDLR - Estas klara, ke tiuj R$ 120,00 ne estas por jarabono sed por kontribuo al Fondaĵo B. E.

..."La reaperigo kaj prezentado de BRAZILA ESPERANTISTO ĝojigis min je alta grado kaj mi volas tutkore gratuli vin pro la elstara laborado kaj kuraĝo. La artikoloj kaj noticoj ebligis min ĝui la proksimecon de la samideanoj kaj samtempe fierigis, pro nia kapablo venki la malfacilaĵojn kaj aperigi tiel gravan revuon en la brazila movado. Sinceran dankon pro via sindonemo."

Denise A. Deslandes

..."Surprize mi ricevis la ekzempleron nº 291 de BE. Post legi kaj relegi ĝin, mi alvenis al la konkludo, ke via iniciatemo meritas la plej altan laŭdon. Krom miaj dankvortoj, akceptu la certiĝon, ke tiam, eble mi helpos vian laboron, sendante al vi ion de mia sperto en E-komunumo. Mi devas klarigi vin. En la sama momento kiam mi ricevis BE, mi pretigis mian vojaĝsakon por vojaĝi. Mia intenco estas lerni lingvojn en landoj kie ili estas parolataj. Entute mi volas paroli minimume kvar lingvojn: hispanan, francan, anglan, germanan... Ĉiam mi uzos Esperanton en la komenco kaj kiel integriĝa grupo. Mi esperas havi bonŝancon. Kiel vi povas rimarki, mi jam trairas la unuan ŝtupon de mia aventuro. Mi eliris Vitória, ES kaj nun mi estas en Salvador, Ba ene de ŝipo kiu portos min ĝis Francio. De tie, post kelkaj kontaktoj kun esperantistoj, mi iros Hispanion. En Hispanio mi jam havas korespondantojn de "Pasporta Servo" kiuj gastigos min. Tie mi volas resti almenaŭ unu jaron kaj tiam, iri al aliaj landoj kie mi restos plu unu jaron, ktp. Pro tio, se ĉio glitos kiel dezirinde (eĉ se ne), mi havos multon por rakonti pri praktika utileco de Esperanto kaj ankaŭ grandan sperton ene de E-movado internacia. Ĝis baldaŭ!

Vanildo Siller

## Anonimaj Alkoholemuloj



Anonimaj Alkoholemuloj estas transnacia kunfrataro konsistanta el viroj kaj virinoj kiuj grupiĝas, kunvenas kaj interapogas unu la alian por venki la emon trodrinki.

Tiun kunfrataron regas principe neŭtraleco laŭ religia vidpunkto, tamen la anoj sin apogas en Supera Spirita Forto, kies gardo ebligas al ili venki sin mem kontraŭ la obsedo de alkoholemo. Ĉiu ano akceptu tiun Superan Forton laŭ sia propra koncepto.

Jen la preĝo ĉiukunvene kune dirita de ĉiu grupo, komence kaj fine. Ĝia sinteza beleco motivis min ĝin prezenti ĉi-artikole al esperantistaro.

### *Preĝo de la sereneco*

Konsentu al ni, Sinjoro,
la necesan serenecon
por akcepti la aferojn
kiujn ni ne povas ŝanĝi.
Kuraĝon por ŝanĝi tiujn,
kiujn ni povas.
Kaj saĝecon
por distingi unujn de aliaj.

*el la portugala tradukis Neusa Priscotin Mendes*

## FONDAĴO BRAZILA ESPERANTISTO

| | | |
|---|---|---|
| 1SymildeSchenLedon | 11.01.95 | 10.00 |
| 2 Gilberte Rene Ledon | 11.01.95 | 10.00 |
| 3 Osvaldo Pires de Holanda | 11.01.95 | 120.00 |
| 4 Neia Lucia Souza | 11.01.95 | 30.00 |
| 5 Gloria Lucia Perine | 11.01.95 | 30.00 |
| 6 Symilde Schenk Ledon | 07.03.95 | 10.00 |
| 7 Gilbert Rene Ledon | 07.03.95 | 10.00 |
| 8 José Carlos Dorini Ramos | 03.04.95 | 120.00 |
| 9 Marija Pozder Almada | 03.04.95 | 50.00 |
| 10 Neia Lucia Souza | 03.04.95 | 30.00 |
| 11 Gilbert Rene Ledon | 11.04.95 | 20.00 |
| 12 Symilde Schenk Ledon | 11.04.95 | 20.00 |
| 13 Jose Roiz | 11.04.95 | 10.00 |
| 14 Délio Pereira de Souza | 11.04.95 | 10.00 |
| 15 Arlette Costa de Souza | 11.04.95 | 10.00 |
| 16 Manoel Fernandes Silva Sobrinho | 11.04.95 | 10.00 |
| 17 Robinson Mattos | 11.04.95 | 10.00 |
| 18 Elvira Fontes | 02.05.95 | 10.00 |
| 19 José Roiz | 02.05.95 | 10.00 |
| 20 Paulo Sergio Viana | 02.05.95 | 60.00 |
| 21 Wilson Pereira Deslandes | 02.05.95 | 10.00 |
| 22 Euclydes Geraldis de Carvalho | 02.05.95 | 10.00 |
| 23 Délio Pereira de Souza | 11.05.95 | 10.00 |
| 24 Arlette Costa de Souza | 11.05.95 | 10.00 |
| 25 Neia Lucia Souza | 11.05.95 | 30.00 |
| 26 Aymore Vaz Pinto | 11.05.95 | 60.00 |
| 27 Mauricio Monken Gomes | 15.05.95 | 60.00 |
| 28 Symilde Schenk Ledon | 15.05.95 | 20.00 |
| 29 Gilbert Rene Ledon | 15.05.95 | 20.00 |
| 30 Allan Kardek Afonso Costa | 19.05.95 | 60.00 |
| 31 Francisco Mattos de Oliveira | 25.05.95 | 30.00 |
| 32 Arnaldo Alves de Oliveira | 31.05.95 | 55.00 |
| 33 Wilson Pereira Deslandes | 19.06.95 | 20.00 |
| 34 José Roiz | 20.06.95 | 10.00 |
| 35 Paulo Amorim Cardoso | 23.06.95 | 30.00 |
| 36 Balduino Egon Breitenbach | 29.06.95 | 120.00 |
| 37 Joel Vasques Manso | 29.06.95 | 120.00 |
| 38 Jason Gonçalves de Lima | 30.06.95 | 30.00 |
| 39 Affonso Borges Gallego Soares | 30.06.95 | 10.00 |
| 40 Arnaldo Alves de Oliveira | 30.06.95 | 66.00 |
| 41 Jannes Markus Mabesoone | 30.06.95 | 50.00 |
| 42 Altino Araújo Vasconcellos | 30.06.95 | 10.00 |
| 43 Felismar Manoel | 30.06.95 | 60.00 |
| 44 Newton Ramos de Oliveira | 30.06.95 | 30.00 |
| 45 Carlos Alberto Andrade | 31.07.95 | 10.00 |
| 46 Newton José Monteiro | 31.07.95 | 30.00 |
| 47 Jorge Bastos Furman | 31.07.95 | 10.00 |
| 48 Altino Araújo Vasconcellos | 31.07.95 | 20.00 |
| 49 Honorina Oliveira de Senna | 31.07.95 | 120.00 |
| 50 Manoel Borges dos Santos | 31.07.95 | 60.00 |
| 51 Roberto Fausto da Silva | 08.08.95 | 30.00 |
| 52 Tobias Ferreira | 08.08.95 | 10.00 |
| 53 Sirio Silva | 09.08.95 | 20.00 |
| 54 Denise Arneiro Deslandes | 09.08.95 | 15.00 |
| 55 Wilson Pereira Deslandes | 09.08.95 | 15.00 |
| 56 José Martins Coelho | 09.08.95 | 120.00 |
| 57 Givanildo Ramos Costa | 09.08.95 | 20.00 |
| 58 Robinson Mattos | 09.08.95 | 110.00 |
| 59 Maria Ramos Willians | 09.08.95 | 10.00 |
| 60 Aroldo Paraguassu· Filho | 09.08.95 | 120.00 |
| 61 Elma do Nascimento | 09.08.95 | 60.00 |
| 62 José Pedro Milagres | 16.08.95 | 30.00 |
| 63 Paulo Amorim Cardoso | 16.08.95 | 30.00 |
| 64 João de Moura Fé | 16.08.95 | 30.00 |
| 65 Gilberto Aquino Silva Velho | 16.08.95 | 20.00 |
| 66 Carlos Maria | 16.08.95 | 60.00 |
| 67 Campinas Esperanto-Klubo | 24.08.95 | 90.00 |
| 68 Willy do Nascimento Sales | 24.08.95 | 100.00 |
| 69 José Roiz | 24.08.95 | 10.00 |
| 70 João Batista da Silva | 31.08.95 | 10.00 |
| 71 Newton Ramos de Oliveira | 31.08.95 | 30.00 |
| 72 Altino Araújo Vasconcello | 31.08.95 | 30.00 |
| 73 Tobias Ferreira | 31.08.95 | 10.00 |
| 74 Affonso Borges Gallego Soares | 31.08.95 | 20.00 |

Sumo je tiu dato: 2.771.00

RIMARKO: Pliaj R$ 2.514 estas en konto de BEL kiel rezulto de depono "ON LINE" de 62 neidentigitaj deponintoj.

Bonvolu kontroli kaj skribi al BEL se vi estas tie inkluditaj

## *Fondaĵo Brazila Esperantisto atendas vian kunlaboron*

En januaro de la kuranta jaro la federaciaj konsilantoj kunvenintaj en Brasília decidis krei kelkajn fondaĵojn, inter kiuj Fondaĵo Brazila Esperantisto, kun la celo akiri rimedojn por daŭre subteni la eldonadon de Brazila Esperantisto, la oficiala organo de Brazila Esperanto-Ligo.

Ĉiuj esperantistoj estas invitataj kunlabori kun tiu treege grava gazeto de la brazilaj esperantistoj.

Petu pliajn informojn al la Centra Oficejo de BEL ĉe

*Caixa Postal 02536*
*70.084-970 Brasília-DF*

## Ago - tago

La estraro de UEA unuafoje oficiale fiksis la daton de la Internacia Ago-Tago kiu okazos la unuan sabaton de oktobro (kun ebleco ŝovi ĝin al la vendredo aŭ dimanĉo). En 1995 ĝi okazos la 7-an de oktobro. Ĉi jare UEA rekomendas, ke tiu mesaĝo ligiĝu al la 50-jariĝo de UN.

## En TEJO-estraro 1995 - 1997 BEJO-ano!

En la IJK (Internacia Junulara Kongreso), San Peterburgo, Rusio 31-7 / 7-8 / /95 estis elektita estrarano pri Informado kaj Latin-Ameriko, James Resende Piton, el Campinas, SP. Lia agado rilatos al la junulara medio, kunlabore al Amerika Agado kiun kunordigas komisiito Atílio O. Rojas kaj en Brazilo reprezentas komisionano S. S. Ledon.

## Departamento pri informado de BEL

De la direktoro José Rabello de Paulo ni ricevis informon pri la agado dum la dua trimestro 95 (AERĴ-KKE), Rio de Janeiro-RJ.

- Korespondaĵo: 243 (gazetaro, radio, TV, persone, organizaĵoj, kulturaj centroj, temploj)

- Disvastigaj okazigoj: 38 (Radio, TV)

Daŭraj elsendoj-programeroj en Esperanto: Rádio Rio de Janeiro 1400 HHz merkredo 20.30 h (Givanildo Ramos Costa - Maria Lúcia Vilaça). Lundo 23.00 - 24.00 h (Cláudio Spinelli)

Departamento pri informado de BEL ĉe Banco do Brasil (Jorge S. das Neves)

- Prelego: Associação Atlética do Banco do Brasil (Jorge S. das Neves)

- Afiŝoj: Panelo ĉe Metroo de Largo da Carioca

Luma panelo cirkla ĉe stratangulo Almirante Barroso - Lélio Gama

## Kunvenoj

Instituto Goiano de Esperanto

Av. Goiás, 636 - 1º andar s/104

Goiânia, GO: La loka grupo kunvenas ĉiudimanĉe je 10.00 - 12.00 h.



*9-a E-Renkontiĝo de ŝtato Rio de Ĵanejro-Nova Iguaçu, 19-21/5/95S.Chaves. Aragón kaj Symilde Ledon interrompas diskuton...*



*Ĉefdelegito de UEA/BR, Manoel Borges dos Santos (centre) kun esperantistoj el Muritiba, Candeias, Salvador en Regiona Esperanto-Renkontiĝo.*

## Prelegoj

- Ĉe "Fundação Santo André", Fakultato de Beletro, en Santo André, SP prelegis Gilbert kaj Symilde Ledon, por studentoj en portugala lingvo pri "Kial Esperanto?" kaj "Ĝenerala Organizado Esperantista: Strukturo kaj Plenumado", ene kultura semajno. Ekspozicio de E-libroj kaj flugfolioj estis disponeblaj.

- La 26-an/8/95 geedzoj Ledon dum la kutima kulturkunveno de monatfina sabato de EASP, prelegis pri Universalaj Kongresoj.

## Novaj estraroj

### Bahia Esperanto-Asocio

Cicero Ribeiro de Araujo - 1a Sekretario
Josenilton Passos do Nascimento - 2a Sekretario
Sergio Serafim de Oliveira - 1a Kasisto
Osvaldo Fonseca da Ponte - 2a Kasisto
Salvador Magalhães Brandão - Bibliotekisto
Paulo Rodrigues - Direktoro Departamento de Disvastigo
Inacio Bezerra de Araujo - Direktoro Departamento de Kurso
Hildemar de Oliveira de Souza - Direktoro Departamento Socia kaj Artema
Marilene Correia de Melo - Direktorino Departamento Virina
Julio Nessim Brito - Direktoro Departamento Juneca

### Gaŭĉa Esperanto -Asocio

Prezidantino: Lucila D. Fernandes
Vicprezidanto: Manoel Torres Abreu
1a Sekretariino: Sandra P. Cezar
2a Sekretariino: Nilce M. Rodrigues
Kasisto: Carlos Dionel Machado
Konsilantaro:
Elektita: Hermes E. Machado Júnior
Lígia de Maria Ferreira
Paulo de Tarso T. e Silva
Dumviva: Cesar D. Soares
Ivo Sanguinetti
Reinaldo Zaghetto

## La Naturo

### *Dokito*

Se ni flugadus alte sur la spaco,
Kaj kiel birdoj, preskaŭ super nuboj,
Ho, ni kontemplus sur la tersurfaco
La mil vojetojn kun graciaj kurboj...

Ĉe la Naturo ni renkontus pacon,
Tre malproksime de la grandaj urboj...
Kie ni trovas de la viv' korlacon,
Pro la bruego, luktoj kaj perturboj...

Mi volas vivi ĉe l'Patrin'Naturo,
De l'mondo izolita, sur la turo,
For de l'disputoj, sangoelverŝ', milito...

Redonu, Patr' al viaj povraj filoj,
La Sanktan Pacon, por ke dum jarmiloj
Lumigu nin la Sun' de l'Infinito!...



# Elektu el la listo viajn titolojn kaj tuj mendu ilin al BEL-libroservo

**Oferto kun specialaj prezoj por jenaj libroj ĝis 15/11/95**

Plena analiza gramatiko - de R$ 31,68 por R$ 26,00
Vivo de Zamenhof - (Edmond Privat) Bindita - de R$ 12,53 por R$ 10,00
Kion travivis Aŭstria familio en Brazila praarbaro - de R$ 17,82 por R$ 14,00
Parnasa gvidlibro - de R$ 17,82 por R$ 14,00
Verkoj de verda majo - de R$ 13,07 por R$ 11,00
Kredu min, sinjorino! (dindita) de R$ 17,82 por R$ 14,00
Frosta nokto - de R$ 19,80 por R$ 16,00
Zamenhof, aŭtoro de Esperanto - de R$ 23,76 por R$ 19,00
URD Hadda Murdita - de R$ 18,41 por R$ 15,00
Esperanto-katalogo de UEA - de R$ 5,94 por R$ 4,94
Bilingüismo - Antibabel ou Utopia - de R$ 14,00 por R$ 10,00
Kanaano - de R$ 9,60 por R$ 8,00

*Sendokosto: 10% de la valoro de la fakturo, kaj minimume R$ 1,00*

## Librolisto BEL

Por la prezolisto bv. atenti:

- 30% de rabato por aĉeto de minimume 5 ekzempleroj de libroj eldonitaj de FEB, LORENZ, ZAMENHOF EDITORES, SARTORATO, EVALDO PAULI, PAULO AMORIM CARDOSO.

- Limtempo de pago estas 30 tagoj post la aĉeto por la rabatita oferto.

- Ni akceptas mendojn de iu ajn ero anoncita en la UEA-katalogo aŭ en la rubriko *Laste aperis...*, de la revuo Esperanto, eĉ se la dezirata ero ne disponeblas en nia stoko.

- Aŭtomata minimuma rabato (10%) por ĉiuj mendoj de BEL-membroj.

- Pagebleco pere de kredit-karto (VISA-sistemo: OUROCARD, BRADESCO, NACIONAL, ktp). Sufiĉas informi okaze de la mendo la NOMON de la kredit-karto, ties NUMERON kaj VALIDECON.

| | |
|---|---|
| 33 RAKONTOJ - LA ESPERANTA NOVELARTO | R$ 29.70 |
| 40 VIDINDAJ LOKOJ EN ĈINIO | R$ 5.94 |
| 50 FABLOJ DE EZOPO | R$ 2.40 |
| 100 JAROJ DA KANTADO EN ESPERANTO | R$ 7.20 |
| 505 ELEKTITAJ POEMOJ EL MANNJOO-ŜUU- | R$ 9.90 |
| 1825 KOMPLOTO | R$ 10.80 |
| 1887 KAJ LA SEKVO | R$ 22.80 |
| 1905 PROTOKOLO DE LA ESTONTAJ GRANDAJ EVENTOJ,... | R$ 5.94 |
| 5000 JAROJ DE ĈINIO | R$ 11.88 |
| 7000 TAGOJ EN SIBERIO | R$ 35.64 |
| A E I O U DE LA INTERNACIA LINGVO | R$ 5.15 |
| AARON BRAZILUMAS ESPERANTE | R$ 9.00 |
| ABC-GRAMATIKO DE ESPERANTO | R$ 43.16 |
| ABISMOJ | R$ 7.32 |
| ABUNDE KAJ REDUNDE | R$ 1.98 |
| ABZ DE AMO | R$ 21.78 |
| ACTES JOURNEE D'ETUDE SUR L'ESP. | R$ 7.92 |
| ADIAŬ KUZKO | R$ 7.92 |
| ADOLESKO | R$ 11.88 |
| AERLUMO - KASEDO | R$ 9.00 |
| AGLUTINAJ LINGVOJ KAJ ESPER., LA | R$ 3.37 |
| AGO KAJ REAGO | R$ 6.00 |
| AINAJ JUKAROJ | R$ 13.10 |
| AKADA (ASIROBABILONA) LEKSIKONO | R$ 6.73 |
| AKADEMIAJ STUDIOJ 1988/1990 | R$ 24.42 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1983 | R$ 21.78 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1984 | R$ 13.86 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1984 - REPRESO EL | R$ 1.63 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1985 | R$ 30.10 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1986 | R$ 14.20 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1987 | R$ 28.31 |
| AKADEMIAJ STUDOJ 1988/1990 | R$ 24.42 |
| AKBAR | R$ 4.62 |
| AKTOJ DE INTERNACIA SCIENCAAKADEMIO COMENIUS (1) | R$ 8.51 |
| AKTOJ DE LA AKADEMIO 1963/1967 | R$ 3.96 |
| AKTOJ DE LA AKADEMIO 1968/1974 | R$ 6.93 |
| AKTUALA METODO DE ESPERANTO | SI 9.00 |
| AL ABELUJO ĜI FLUGAS | R$ 3.37 |
| AL DIOGNETO | R$ 1.19 |
| AL LA TERO RETURNE | R$ 7.20 |
| AL NOVA INTERNACIA LINGVOPOLITIKO: LA PROPEDEUTIKA | R$ 4.75 |
| AL UNU LINGVO POR EŬROPO? LAESTONTECO DE LA... | R$ 3.17 |
| AL VI DE MI | R$ 13.84 |
| ALBUMO PRI ĈINIO | R$ 5.54 |
| ALFABETA INDEKSO AL LA MUZIKA TERMINARO | R$ 4.55 |
| ALIA PASINTECO, LA | R$ 6.34 |
| ALMANAKO LORENZ 1981 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1982 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1983 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1984 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1985 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1987 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1988 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1989 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1990 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1991 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1992 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1993 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1994 | R$ 2.00 |
| ALMANAKO LORENZ 1995 | R$ 2.00 |
| AMKONKURANTOJ, LA | R$ 1.98 |
| AMO K MORTO EN BALIO | R$18.81 |
| AMO PER PROVERBOJ | R$ 0.40 |
| AMORO KAJ PSIĤE | R$ 1.80 |
| AMUZA LEGADO PRI TIL'STRIGOSPEGUL | R$ 29.70 |
| AMUZA LEGOLIBRO EN ESPERANTO | R$ 10.89 |
| AMUZA MATEMATIKO POR GELERNANTOJ | R$ 6.53 |
| AMUZAJ DIALOGOJ EN ESPERANTO | R$ 9.11 |
| AMUZAJ KARIKATUROJ | R$ 1.58 |
| ANALIZA HISTORIO DE ESPERANTO MOVADO | R$ 8.40 |

ANALIZA SKOLO ANTAŬ LA
MALOVECA TRIBUNALO, R$5.16
ANASETO KAJ KOKETO R$1.58
ANATOMIA
NOMENKLTURO R$33.66
ANGLA ANTOLOGIO 1 R$ 8.91
ANGLA ANTOLOGIO 2 R$ 22.77
ANGORO; POEMARO R$ 16.24
ANIARO R$ 19.80
ANIMO DRIVAS R$ 18.48
ANIMO PRISMA R$ 2.70
ANNE FRANK NE ESTAS
DE HIERAŬ R$ 9.90
ANO DE L'RINGLUDO R$ 1.98
ANTAŬ LA NOVA
JARMILO R$ 34.85
ANTAŬEN AL LA
LABORO! R$ 25.74
ANTIKVAJ ĈINIAJ
SCIENTISTOJ R$ 4.16
ANTIKVAJ FILOZOFOJ
DE ĈINIO R$ 7.92
ANTOLOGIO DE LA
PAROLA LITERATURO R$ 25.74
ANTOLOGIO DE
PORTUGALAJ RAKONTOJ R$ 12.47
ANTOLOGIO
FANTASTIKAJ RAK DE
SOVETAJ VERKISTOJ 1 R$ 2.97
ANTOLOGIO FANTASTIKAJ
RAK DESOVETAJ
VERKISTOJ 2 R$ 2.97
APEROJ DE AHASVERO, R$ 5.35
APLIKO DE ESPERANTO
EN SCIENCO KAJ
TEKNIKO 1980 R$ 11.88
APLIKO DE ESPERANTO
EN SCIENCO KAJ
TEKNIKO 1984 R$ 7.92
APLIKO E-O EN SCIENCO
KAJ TEKNIKO APL DE
KOMPUTILO R$ 19.40
APOKOLOKINTOZO DEL'
DIA KLAŬDIO , LA R$ 2.77
APOLOGIO - TERTULIANO R$ 6.53
APOLOGIO DE SOKRATO
KAJ KRITONO R$ 8.51
APONTAMENTOS DE
ESPERANTO R$ 9.31
APONTAMENTOS
GRAMATICAIS DE E. R$ 10.56
APRENDA ESPERANTO
- MÉTODO
DE ZAGREB (FITA) R$ 8.00
APRENDA ESPERANTO -
MÉDOTO
DE ZAGREB (LIVRO) R$ 4.00

ARBO DE LA SCIADO, LA R$ 15.84
ARBO... KIU FORKURIS, R$ 12.67
ARIEL R$ 5.94
ARTIKOLO R$ 9.70
ARTO DE MEMDISCIPLINO,
LA: PSIKAGOGIO R$ 2.57
ARTO KAJ NATURO/
/ESEOJ R$ 9.90
ARTO MALLERNI R$ 1.20
ASPEKTISMAJ REGULOJ
PRI LA UZO DE VERBAJ
FORMOJ R$ 9.90
ASTERIKS,
LA GLADIATORO R$11.10
ASTRONOMIA
FOTOATLASO R$ 49.50
ASTURA BUKEDO R$ 11.88
AŜMA R$ 3.00
ATESTO POR FININTO
DE CSEH-METODA
KURSO R$ 1.80
ATLASO DE INSEKTA
MORFOLOGIO R$ 20.59
ATTA TROLL R$ 0.99
AUGUST THEODOR
VON GRIMM R$ 7.98
AUTOGRAFOJ DE
LUDOVIKO (SERIO I) R$ 31.68
AŬDU KAJ LERNU -
CURSO
BASICO DE
ESPERANTO R$ 6.30
AŬDU KAJ LERNU -
LEGOLIBRO 1 ELEMENTA R$ 5.40
AŬDU KAJ LERNU -
BENDO 1 R$ 9.00
AŬDU KAJ LERNU 2 -
BENDO 2 R$ 9.00
AŬDU KAJ LERNU 3 -
BENDO 3 R$ 9.00
AŬDU KAJ LERNU 4 -
BENDO 4 R$ 9.00
AŬDU KAJ LERNU 5 -
BENDO 5 R$ 9.00
AŬDU KAJ LERNU 6 -
BENDO 6 R$ 9.00
AŬSTRALIA ANTOLOGIO R$ 49.50
AŬSTRALIO, LANDO
KAJ POPOLO R$ 3.96
AŬTOBIOGRAFIO DE
BAKTERIO R$ 2.57
AŬTOGRAFOJ DE D-RO
L. L. ZAMENHOF R$ 1.39
AŬTUNO EN LA
PRINTEMPO R$ 7.13
AVENTUROJ DE ĈASISTE-
TO DUM EKSPEDICIADO R$ 3.37

AVENTUROJ DE
MALSPERTULO R$ 1.19
AVENTUROJ DE PIONIRO R$ 11.88
AVENTUROJ DE SPAR-
KAJ ALIAJ PORKETOJ R$ 7.92
AVENTUROJ DE TO
SAWYER, LA
R$ 3.17
AVINETO LUNO R$ 1.98
AVINO-URSINO, LA R$ 2.77
BABILADO PRI BIRDOJ R$ 1.19
BABILADU ESPERANTE R$ 2.77
BAF! - KASEDO R$ 13.86
BAGATELARO R$ 8.12
BAHAA RELIGIO, LA R$ 5.70
BAHAISMO, LA RELIGIO
DE PACO R$ 1.20
BARBARAJ PROZAĴOJ R$ 1.98
BATALO PRI LA DOMO
HEIKKILA R$ 2.77
BAZA CSEH-KURSO R$ 15.84
BAZA KURSO - KAJERO
LERNANTO R$ 4.95
BAZA KURSO EN
ESPERANTO, LA R$ 37.62
BAZA LITERATURO
KRESTOMATIO R$ 9.12
BAZOJ DE
ANARKIISMO R$ 6.93
BAZOJ POR VIA KONDUTO R$ 4.56
BEATRIĈE (BRAILLE) R$ 9.00
BEATRIJS R$ 1.98
BELA REVULO R$ 1.98
BELA SUBTERA
MONDO, LA R$ 7.92
BELETRO, SED NE EL
KATEDRO R$ 22.77
BERMUDA
TRIANGULO, LA R$ 31.68
BESTETOJ, BESTEGOJ
KAJ BESTAĈOJ -
ALBUMO R$ 4.50
BESTETOJ, BESTEGOJ KAJ
BESTAĈOJ -
AŬDVIDA KOL R$ 30.00
BESTETOJ, BESTEGOJ KAJ
BESTAĈOJ -
AŬDVIDA KOL PROV R$ 15.00
BESTETOJ, BESTEGOJ
KAJ
BESTAĈOJ -
BENDO R$ 11.50
BESTETOJ, BESTEGOJ
KAJ BESTAĈOJ -
DISKO KAJ ALBUMO R$ 10.50
BESTIDOJ KAJ ILIAJ
PATRINOJ R$ 1.98

BESTOĜARDENO R$ 3.76
BESTOJ KAJ HOMOJ R$ 17.82
BHAGAVAD-GITA R$ 3.00
BIBLIOGRAFIO DE DISERTACIOJ PRI E-O K INTERLINGV. R$ 17.82
BIBLIOGRAFIO DE LA VERKARO DE HENRI VATRE R$ 3.76
BILINGUISMO: UTOPIA OU ANTIBABEL R$ 14.00
BIOPOLO R$ 0.99
BONA BAOBAO R$ 1.58
BONA ESPERO-BENDO R$ 32.87
BONA LINGVO, LA R$ 11.88
BONA MESAĜO DE JESUO, LA - LAU JOHANO R$ 5.46
BONA MESAĜO DE JESUO, LA - LAU LUKO R$ 5.46
BONA MESAĜO DE JESUO, LA - LAU MATEO R$ 5.46
BONA MESAĜO DE JESUO, LA - LAU MARKO R$ 5.46
BONA RIDO... R$ 4.95
BONA SINJORINO R$ 1.98
BONA ŜANCO R$ 11.88
BONKORA ŜJAUDON R$ 3.17
BOTISTOJ, LA R$ 2.38
BOULE DE SUIF R$ 11.88
BOVISTO KAJ LA TEKSISTINO R$ 2.38
BRAND R$ 13.86
BRAVA KOLOMBIDO R$ 1.98
BRAZILA ANTOLOGIO POEZIA R$ 22.50
BRAZILAJ ARUAKOJ, LA R$ 2.50
BRAZILAJ GEOGRAFIAJ NOMOJ R$ 1.20
BRAZILO KANTAS POR PLI BONA MONDO - DISKO R$ 9.00
BRILAS SAĜO R$ 3.76
BROCHE CIRCULAR (2 CM) R$ 1.00
BRONZA TIGRO R$ 9.00
BUDHISMO, LA R$ 1.19
BUDHO KAJ LA MODERNA HOMO R$ 1.58
BUFO, LA - DISKO R$ 6.50
BUKEDO AL VI R$ 1.98
BULGARA NUNTEMPA POEZIO KAJ PROZO -ANTOLOGIO R$ 9.90
BUTON-MILITO, LA R$ 34.45
CARTILHA DE ESPERANTO R$ 1.25
CENT PRI CENT R$ 3.96
CENT TRIDEK TRI TAGOJ R$ 7.92
CENTA SIMIO, LA R$ 4.95
CENTESIMO MACACO, O R$ 6.00
CHAVE DO ESPERANTO R$ 0.90
CIGANA ROMANCARO R$ 5.94
CIKONI-KALIFO, LA R$ 1.78
CIVILA MALOBEEMO R$ 2.97
COMPUTER DICTIONARY R$ 12.00
CONCISE DICTIONARY OF 26 LANGUAGES, THE R$ 14.85
CONCISE ESPERANTO AND ENGLISH DICTIONARY R$ 27.72
CURS ELEMENTAR DE ESPERANTO R$ 5.94
CURSO DE ESPERANTO R$ 5.00
CURSO DE ESPERANTO PELA BIBLIA R$ 1.08
ĈAKA MILITO, LA R$ 1.98
ĈASADO KUN AVĈJO R$ 0.79
ĈE DOKTORO R$ 1.98
ĈEMIZO BEJO R$ 10.00
ĈEMIZO KEK R$ 10.00
ĈEMIZO MAKTUB R$ 9.00
ĈERNOBIL R$ 5.94
ĈEVALIDO TRANSIRAS RIVERON R$ 1.20
ĈIAM MALNOVA KAJ ĈIAM NOVA R$ 10.89
ĈIELA BIRDO R$ 5.35
ĈIELARKO R$ 5.94
ĈIELO KAJ LA INFERO,LA R$ 7.00
ĈINA ANTOLOGIO 1919-1949 R$ 13.86
ĈINA ANTOLOGIO 1949-1979 R$ 13.86
ĈINA CERAMIKO R$ 7.92
ĈINA-ESPERANTA VORTARO R$ 31.68
ĈINAJ BATALARTOJ R$ 5.94
ĈINAJ FAMILIAJ PLADOJ R$ 2.77
ĈINAJ KLASIKAJ POEMOJ ILUSTRITAJ R$ 9.11
ĈINAJ MITOJ R$ 2.70
ĈINAJ PROTEKTATAJ BESTOJ R$ 9.50
ĈINAJ TRADICIAJ FESTOJ R$ 3.30
ĈINLINGVA KONVERSACIO R$ 2.77
ĈU LI BREMSIS SUFIĈE? R$ 8.10
ĈU LI VENIS TRAKOSME? R$ 11.88
ĈU NE - AMPLIFIKI R$ 13.86
ĈU NI KUNVENIS VANE? R$ 13.86
ĈU NI VERE HELPAS LA TRIAN MONDON? R$ 2.97
ĈU RAKONTI NOVELE? R$ 13.86
ĈU SOCIALISMA LIBERECO AŬ KAPITALISMA SERVUTECO? R$ 1.98
ĈU ŜI MORTU TRA-FIKE? R$ 9.90
ĈU VI AUDIS, KE... R$ 21.00
ĈU VI KONAS LA TERON? R$ 7.92
ĈU VI PAROLAS ESPERANTE? (TEKSTO POR LA SONBENDOJ) R$ 11.70
ĈU VI PAROLAS TENDARE? R$ 7.92
D-RO ĴIVAGO R$ 5.46
DAMENEJOJ R$ 15.84
DANCE - BENDO R$ 9.00
DANĜERA LINGVO, LA R$ 43.56
DANĜERA UL' - ĴAK LEPŬIL - KASEDO R$ 13.86
DANKON, AMIKO! R$ 8.30
DAŬRIGA KURSO POST CSEH-KURSO R$ 7.92
DE ANIMO AL ANIMO R$ 7.50
DE BIALISTOKO AL MONTEVIDEO R$ 4.50
DE FRANCISKO EL ASIZO POR VI R$ 12.00
DE JEHEZKEL AL MALAHI R$ 39.60
DE JOSUO AL JEREMIA R$ 39.60
DE KANT' AL KANTO - 1 R$ 3.76
DE KANT' AL KANTO - 2 R$ 3.76

## Rimarko

Pro tro longeco de la listo ne eblas ke ĝi estu kompleta ĉi-foje, kaj la aperigo estos parta, laŭ alfabeta ordo . Atendu la daŭrigon, konsultu ĝin ĉiam, profitu bonajn elektojn.

Unu el la formoj de aplikado de la devizo NI LABORU KUNE! estas aĉetado de libro ĉe nia Libroservo, por ke ĝi fariĝu post kiel eble plej baldaŭa tempo la plej granda en la mondo! Ni fidas je la fideleco de nia membraro.

Por reprezenti fortan movadon, kaj por pligrandigi la libroeldonadon en Brazilo, necesas finance forta Ligo

**Al membroj de BEL estos rabato de 10% por iu ajn libro el FONTO-eldonejo.**

p= paĝoj R$ REAIS

AME - Aktuala Medodo de Esperanto, Geraldo Mattos. Kun tre varia ekzercaro (tute en Esperanto) - 144p 11,50
Bagasejo (La). *A Bagaceira*, José A. de Almeida (trad. G. Mattos). Modernisma (sukerkaneja) romano - 176 p 12,80
Balado de Prizono Reding (La). Oscar Wilde (trad. L. H. Knoedt) 2-lingva (angla-esperanta) eldono - 80 p 6,40
Bona Mesaĝo de Jesuo (La). La 4 evangelioj. Nova traduko de G. Berveling. Plena kolekto (4 libroj) - 80 p 26,40
La bona mesaĝo de Jesuo laŭ Marko, *O Evangelho segundo Marcos* - 64 p 5,00
La bona mesaĝo de Jesuo laŭ Mateo, *O evangelho segundo Mateus* - 84 p 6,70
La bona mesaĝo de Jesuo laŭ Luko, *O Evangelho segundo Lucas* - 90 p 7,20
La bona mesaĝo de Jesuo laŭ Johano, *O Evangelho segundo João* - 92 p 7,30
Centjara Esperanto, Escoj verkitaj de 17 akademianoj. Redaktis Geraldo Mattos (lastaj ekzempleroj) - 240 p 18,00
Cent Jaroj da Soleco, Gabriel Garcia Márquez (Nobelpremiito) (trad. F. de Diego), Lukse bindita - 372 p 30,00
Deveno de Esperanto (La). Geraldo Mattos. Tre interesa verko pri la naskiĝo de nia lingvo - 112 p 8,90
Diino Hertha. Originalaj noveloj de nia majstro Kálmán Kalocsay (ne nur poeto estis li!) - 72 p 6,00
Diskurso pri la Metodo. Descartes (trad. E. de Zilah). 2-lingva (franca) eldono kun gravaj komentarioj - 176 p 14,00
D-ro Jekyll kaj S-ro Ilyde, Robert L. Berveling (trad. F. de Diego). Mondfama romano - 96 7,70
D-ro Ĵivago - Poemoj. Boris Pasternak (trad. Kris Long). Poemoj el la romano, kun longa enkonduko - 80 p 6,40
Du Virinoj. Harry Mulisch (trad. G. Berveling). Furoranta nederlanda tragedia romano (ne porna!) - 140 p 11,20
Enkonduko en la Kategoriojn de Aristotelo. Porfirio (trad. el la greka de Evaldo Pauli) kun komentarioj - 80 p 6,40
Esperanto a Língua Internacional Neutra. *Para bem informar e cursos rápidos*. Ótimo livrinho! - 24 p 2,00
Facila Skeĉ-Albumo. Bertram Potts. 100 humuraj facilaj (por progresantoj) tekstreatraĵetoj unupaĝaj - 112 p 9,00
Fenikso tro ofta. Christopher. Fry (el la angla trad. William Auld). Komedio pri facila enamiĝo vidvina - 64 p 6,00
Flugilhava Ŝtono. J. Karen (trad. J. Korinck). Bele ilustrita antologio de fama ĉeĥa poeto - 240 p 12,00
Gerda malaperis! Claude Piron. Lingvoinstrua romaneto - la unua legolibro por ĉiuj bazaj kursoj - 50 p 4,00
Gramática Completa do Esperanto. Geraldo Mattos (portugallingva plena gramatiko, kun ekzemploj) - 176 p 14,00
Hetajro dancas. Romano de Eli Urbanová. Eminenta konfersromano aŭtobiografia kaj historia - 328 p 27,00
Ili kaptis Elzan! Johán Valano (=Claude Piron). Detektiva junula romano por progresantoj - 104 p 9,00
Infana Raso (La). A Raça Menina. Willian Auld. Escoj, prelegoj, paroladoj pri nia kulturo
Havinda! - 120 p 9,60
Lasta ĉevalo. Josef Rumberl Ilustrita luksa verketo (avangarda lingvo!) Majstroverko de nia lingvo! - 48 p 4,00
Lasu min paroli plu! Claude Piron. Legolibro por komencantoj kun sama vortostoko de Gerda - 128 p 12,00
Libro de Adoro (La). Geraldo Mattos. Originalaj erotikaj vere majstraj sonetoj (bela prezento) - 80 p 6,40
Libro de Nejma (La). Geraldo Mattos. Originalaj kaj kuraĝaj ampoemoj en tre bela prezento - 80 p 6,40
Lukio aŭ Azeno. Lukiano (trad. G. Berveling). Fama romaneto el la tempo de Kristo (ne religia!) - 44 p 3,50
Luzidoj (La). Luís de Camões (trad. L. H. Knoedt). Ilustrita kaj bindita (nia plej fama verko) - 468 p 33,00
Maja Pluvo. Julian Modest. Originala (psikologia) romano de bulgaro (por Progresantoj) - 96 p 6,00
Maksimoj. La Rochefoucauld (trad. G. Waringhien). Pensaro. 2-lingva (franca) eldono 112 p 8,90
Malgranda Johano (La). F. van Eeden (trad. R. de Jong). Romano (ne porinfana!) ekologia - 144 p 10,90
Morto kaj la Morto de Kinkas Akvobleko (La). Jorge Amado (trad. G. Pádua) Majstra romaneto - 112 p 8,90
Nekonata Dio (La). F. Mószi (trad. I. Nagy) Hungara novelo (tute ne religia, sed literature bela) - 44 p 3,50
Nigra Spartako (La). Geraldo Mattos. Originala romaneto historia (brazilaj negraj sklavoj) - 56 p 4,50
Norda Odiseado. Jack London (trad. F. de Diego). Famegaj noveloj majstre tradukitaj - 112 p 8,90
Omaĝoj. William Auld. Antologio de poemoj (plejparte anglaj) en bela prezento kaj artisma traduko - 152 p 9,90
Plukitaĵoj. Ĝilbran Ĥalil Ĝibran (trad. G. Abraham). Noveloj de la mondfama verkisto - 96 p 7,60
Preter la Horizonto. Ĝibran Ĥalil Ĝilbran (trad. G. Abraham). Pliaj noveloj poeziecaj - 96 p 7,60
Profeto (La). Ĝibran Ĥalil Ĝilbran (trad. R. O. Stone). La plej fama verko de la aŭtoro (ilustrita) - 96 p 8,90
Pri dubo kaj certeco. Evaldo Pauli. Originala verko de nia brazila filozofo - 162 p 9,00
Rekta pensado. Evaldo Pauli. Plia originala verko de nia brazila filozofo - 150 p 9,00
Respostas a questões gramaticais do Esperanto. Jorge Abraham (portugala eldono) Tre utila! - 40 p 3,50
Respuestas a cuestiones gramaticales de Esperanto. (Hispana eldono de la antaŭa verko) - 40 p 3,50
Rikolto. Juan Règulo Pèrez. 600-paĝa verko lukse bindita. Artikolaro de nia famega eldonisto - 600 p 45,00
Sed nur fragmento... Trevor Steele. Originala romano pri koloniigado de Aŭstralio - 448 p .
luksa fortika bindo 30,00
broŝurita 25,00
Sfinkso de Steplando (La). V. A. Glazunov. Originalaj (rusaj) noveloj (plejparte ekologiaj) - 112 p 8,90
Sinjoro Jokasto kaj aliaj noveloj de Guy de Maupassant (trad. Daniel Luez) - 112 p 8,90
Sonetoj. Marie Under (trad. Hilda Dresen). Poemoj milde erotikaj de fama estona verkistino 62 p 4,90
Sonetoj de l' Nokto. Cruz e Sousa (trad. L. H. Knoedt). Bele ilustrita 2-lingva eldono - 50 p 4,80
Sur la sojlo de la amo. M. Procházková (trad. J. Korinek). Tre belaj ampoemoj - 96 p 7,60
Tri 'stas tro! Gerrit Berveling. Tre aktualaj poemoj originalaj (de pastoro nederlanda) - 60 p 4,80
Vere aŭ fantazie. Claude Piron. Noveloj por progresantoj - tre varia enhavo - 216 p 15,00
Vortareto por "Gerda Malaperis" kaj "Lasu min paroli plu!"
(portugala eldono) - 24 p 2,00
Karuseloj. Sara Larbar. Originala (brazila!) romano en esperantista medio - 120 p 8,00
Sennaciece tra nia mondo. Gilbert R. Ledon. Kun multaj koloraj fotoj - 224 p 10,00
Al la tero returne. Gilbert R. Ledon. Ekologiaj aferoj science prezentitaj.
Ilustrita - 160 p 8,00
Florville kaj Courval aŭ fataleco. SADE (p. 80) (el "La krimoj de l'amo") - 80 p 6,00
La Evangelio de la Horo. Paul Berthelot. Arkaisma verketo
(nur stile "evangelia") 36 p 3,00

**Laste eldonita:**

Hetajro dancas - originala romano a ŭtobiografia kaj historia de nia granda poetino ĉeha Eli Urbanová. 328 paĝoj. 27,00

## Ni legu kune

La libroservo de Brazila Esperanto Ligo estas je via dispono.
Elektu la librojn kiuj interesas vin kaj tuj mendu ilin.
La esperantistoj ne povas ne legi ĉiumonate minimume 1 Esperanto-libron.

*BEL-Libroservo*
Caixa Postal 02536
70.084-970 Brasília-DF

Anonco de Zamenhof Editores ankaŭ por ne-esperantistoj